juna amiko



# Antologia numero

## Infanoj tuj prezentos sin al la 83-a UK, Montpeliero

INTERNACIA ESPERANTO-REVUO DE
POR LERNEJANOJ KAJ KOMENCANTOJ

ILEI

MARTO 1999

N-ro 1 (88)

## Pri la lingv'aĵo *kaj ortografio*[1] de

# juna amiko

Sen pied'notoj ni uzas nur la plej oftajn 1237 vort'radikojn. Tiu ĉi vort-ar'eto: ***Esperanto, Minimum szótár*** aperis en 1995, kaj estas aĉet-ebla ĉe la libro-servo de UEA kaj HEA.

***Krom-signoj***, kiuj helpas komenc'antojn:

**Divido-streko(-)** trov'iĝas inter la elementoj de vort'kun-metoj, kiam ne mankas fin'aĵo, ekzemple: tablo-tuko, el-iri ...

***Vertikala strek'eto (')*** signas mankon de fin-aĵo: bild'karto, verd'iĝi ...

Kiam io helpas la re-konon, kiel ekzemple: tuttaga (tt) aŭ la vorto re-venas en la sama artikolo aŭ kiam la vorto estas tre kon'ata jam por komencanto (esperantisto, patrino ...) ni ne uzas kromsignojn.

Vi ofte trovas komojn (,). Ankaŭ per tio ni deziras helpi komencantojn.

1. regul'aro de la ĝusta skribo

☺

***Sur la titol'paĝo:***
***Foto de***
***Jean Charles Trébouet***
***(Francio):***
***IIK en UK,***
***Montpeliero***

# REZULTE DE POST-RIKOLTO VI RICEVAS GRANDAN

# BUKEDON

## EL LA PLEJ VALORAJ KAJ INTERESAJ VERK'ETOJ DE

# juna amiko

## EN LA PAS'INTAJ

# 25

## JAROJ

*Kara leganto,*

*jen la dika antologia numero, per kiu ni promesis surprizi vin. Ĉu la surprizo estos vera? Esper'eble vi trovos en tiu ĉi numero multajn leg'indajn kaj utilajn verketojn.*

*Vi, eble ĉiuj, scias, ke nia revuo havas post si 25 jarojn. Dum tiu tempo ĝi estis redakt'ata de tri personoj: Geza KURUCZ (9 jaroj), Oldřich KNÍCHAL (5 jaroj), Stefan MACGILL (11 jaroj) kaj de la jaro 1997 denove (ĉu rekomenc'iĝos la ciklo?) Geza KURUCZ.*

*La ideo redakti antologian numeron venis de Stefan MACGILL. La ceteraj, kun ĝojo, konsentis, ĉar ni opinias, ke la plej-multo de la nun-tempaj legantoj ne konas la malnovajn numerojn. Ili, antaŭ-longe, el-ĉerp'iĝis, ne plu troviĝas en la merkato kaj, certe, estas interese scii, kion legis la antaŭa generacio. Por tiu ĉi numero ĉiu redaktoro mem decidis, kion re-aper'igi el sia redakto-periodo. Ĉiu deziris elekti el la plej interesaj verkoj, kompren'eble, tamen multaj valoraj artikoloj ne povis en-iri la antologian numeron. Pardonu pro tio.*

*Redakt'ante ĉi tiun numeron, kun granda kor'varmo ni re-memoris pri pluraj afablaj kun-labor'antoj, el kiuj kelkaj, bedaŭr'inde, ne plu estas inter ni. Ni esperas, tamen, ke leg'ante iliajn kontribu'aĵojn, publik'ig'itajn ĉi-numere, vi fermos ilian nomon kaj memoron, por eterne, en la koron. Ni estas tut'certaj, ke ili meritas vian respekton.*

*Esper'ante, ke nia antologio bone amuzos vin kaj kontribuos, sam'tempe, al via progreso en la Lingvo Internacia, salutas vin el-kore:*

*Geza Kurucz* *Oldřich Kníchal* *Stefan MacGill*

Tiu ĉi artikolo estas escepto. Ĝi ne apartenas al la antologia[1] parto. Kial ni decidis aper'igi ĝin en tiu ĉi festa numero? Ni havas du kialojn.

— Ĝi estas grav'ega por la est'ont'eco de Esperanto.

— Tiu ĉi numero (1/99) de Juna Amiko aperas en du-obla kvanto kaj estos vend'ata longa-tempe kaj vaste. Ĝi atingos, do, pli da leg'antoj ol ordinaraj numeroj.

## Kio estas KAMPANJO[2] 2000?

*Kampanjo 2000* estas Strategia[3] Plano de UEA (Universala Esperanto-Asocio) por la nuna kaj sekvaj jaroj.

## Kio estas la esenco de la Kampanjo?



Ni, uz'antoj de Esperanto, scias, kiel valora donaco estas la ekzisto de nia universala lingvo. Male, la ekstera mondo ankoraŭ ne konscias pri ĝia manko kaj freneze serĉas eliron el la nuna ĥaosa[4] lingva situacio[5].

Estus **vera kulpo**, se ni, kon'antoj de la sav'iĝo el la labirinto[6], ne volus helpi, eĉ se la rutina[7] mondo nun-tempe, ŝajne, ne bezonas nian helpon.

Sed, por esti gvid'anto necesas

## LEVI LA IDEAN KAJ ORGANIZAN NIVELON,

ĉar gvidanto povas far'iĝi nur tiu, kiu klare vidas la celon. Blind'ulo, evidente, ne rajtas konduki. Vi sam'opinias, ĉu ne?

Ni devas, do, antaŭ ĉio, **bone ellerni Esperanton.** Sen funda scio de la lingvo neniu povas konvinke[8] defendi nian star'punkton. Vi certe konsentas, ke fid'inda ekzemplo povas fariĝi nur homo, kiu mem estas ekzemplodona.

Konsciu, tamen, ke nura scio de la lingvo ne sufiĉas. Se vi volas konvinki aliajn personojn, vi devas koni ankaŭ la **historion kaj literaturon de Esperanto**. Konsciu, krome, ke **vi sola**, sen kun-uloj, **povas atingi malmulte.** Prezentu, do, vian helpon, laboron al tiu grupo, klubo, societo, kiu estas al vi plej proksima kaj kiu havas konkretan labor'planon. Nur tia komun'umo, per komuna ag'ado, povas

## LEVI LA PRESTIĜON[9] DE LA INTERNACIA LINGVO.

Por efektiv'igi tiun celon, necesas cel'konscia **informado** pri Esperanto kaj ties gravaj **sociaj celoj**. Per trafaj **argumentoj** (kiel la Manifesto de la Esperanto-mov'ado,

Prago, 1996) ni devas ŝanĝi la eraran bildon pri Esperanto. Tiu ĉi erara bildo ankoraŭ ekzistas en multaj medioj. Estas necese akiri aŭ produkti modernajn informmaterialojn kaj sisteme sendi ilin al instruistoj, lingv'istoj, ĵurnal'istoj, politikistoj, al la ĝenerala publiko. Ni devas ĉie star'igi informajn fakojn aŭ elekti respondec'ulojn pri informado.

kampanjo 2000

## *Ĝeneralaj celoj*

1. *Levi la organizan kaj idean nivelon de la Esperanto-komunumo.*
2. *Levi la prestiĝon de la internacia lingvo.*
3. *Influi la internacian vivon.*

La esenco kaj forto de Esperanto kuŝas en ties internaci'eco. Nia lingvo celas super-nacian komunik'adon. Ĉiu el ni lernas ĝin por trans-paŝi ĉiujn lingvajn limojn. La sorto de Esperanto, grand'parte, de-pendas de la ekzist'antaj internaciaj organiz'aĵoj, sekve ni devas

## INFLUI[10] LA INTERNACIAN VIVON.

Kaj ne pensu, ke tiun taskon povas kaj devas plen'umi nur niaj tegmentaj organizaĵoj. Iliaj ebloj, kompren'eble, estas pli grandaj kaj gravaj. Sed ne forgesu, ke ĉiuj trans-naciaj organizaĵoj havas naciajn sekciojn aŭ, almenaŭ, naciajn reprezent'antojn[11]. Sen konvinki ĉi tiujn, oni ne povas esperi sukcesojn ĉe la pinto.

◆

Tio ĉi ne estis kutima artikolo en *Juna Amiko.*

Leg'inte ĝin, bon'volu ree kaj atente tra-pensi ĝiajn erojn kaj, se vi konsentas pri la konstatoj, decidu mem pozitive helpi en la real'ig'ado, ĉar nia komunumo multe bezonas vian aktivan kontribuon.

**1. kolekt'ajo el kremo de verkoj / 2. prem'ag'ado / 3. strategio: zorge prepar'ita plano / 4. ĥaoso: plena mal-ordo / 5. kondiĉ'aro / 6. loko aŭ situacio, el kiu oni treege mal-facile povas el-iri / 7. kvazaŭ aŭtomate kutima / 8. konvinki: igi lun kredi pri lu ideo per taŭgaj argumentoj, ekzemploj / 9. ĝeneralan respekton / 10. efiki al lu / 11. reprezentanto: homo, kiu agas en la nomo de tiuj kiuj lin ektis.**

## VORTOJ DE Henri BARBUSSE [Anri Barbis] (1875-1935)

"Ĉiuj atakoj, skribitaj kontraŭ la principo[1] de la helpa lingvo, havas nenian valoron. Ili de-venas aŭ de homoj kun lim'ig'ita horizonto[2] – kiujn maltrankvil'igas tiu granda ideo, kaj kiuj nenion komprenas pri la progreso –, aŭ de ŝovinistoj[3] (homoj mense[4] ankoraŭ pli limigitaj), kiuj volus ke la mondo akceptu ilian propran lingvon, aŭ kiuj vidas en sen-peraj kontaktoj[5] inter la popoloj danĝeron por ilia mal-utila doktrino[6] de la nacia izoliĝo[7]."

(3/79)

1. fundamenta ver'aĵo / 2. horizonto: ĉielo-rando; limo de vido-povo / 3. blindaj naciistoj / 4. menso: pens'anta parto de la homa spirito / 5. inter-ligoj / 6. aro da principoj de iu instruo / 7. apart'iĝo.

# *Al nia lingvo*

*Vi, bela lingvo, Esperanto,*
*en mi la penso jam ne mutas,*
*parolas sentoj en la kanto,*
*per kiu vin mi nun salutas.*

*Ho, kie estas via lando? —*
*demandas homoj. La respondo:*
*La lingvo-land' de Esperanto*
*jam estas nia tuta mondo!*

*Al tuta mond' vi apartenas,*
*al alto levas vi la Homon,*
*kaj kiu vin en koro tenas,*
*de vi ricevas Belon, Bonon.*

*En homan mondon venas Amo*
*per Nova Sento, kor'muziko;*
*Vi faras Pacon el mal-amo*
*kaj fraton el la mal-amiko.*

*Vi donas al mi, Esperanto,*
*kulturon novan kaj laboron...*
*Sed kion donu mi, lernanto?*
*Akceptu mian tutan koron!*

*Julio BAGHY [Bagi]* (1/73)

*Marjorie BOULTON*
*[Maĝori Boŭltn]*
*angl'ino, granda verk'isto de nia belliteraturo.*



# ESPERANTO *signifas por mi...*

lingvon, kiu povas iom helpi al amik'eco inter diversaj nacioj, kaj tiel, al tiu paco, kiun ni ĉiuj deziras.

Esperanto signifas lingvon, kiu jam havas propran riĉan literaturon kaj kiu peras kulturojn de popoloj al popoloj.

Esperanto signifas lingvon, kiu – detru'ante la lingvajn bar'ilojn – ankaŭ povos ŝpari, por la hom'aro, multan monon, kiun oni do povus dispon'igi[1] ali'maniere, ekzemple por hospitaloj[2], lernejoj, teatroj, muzeoj, sport'ejoj, parkoj.

Al mi, Esperanto signifas ankaŭ: lingvon, per kiu mi trovis multajn tre karajn ge-amikojn esperantistojn, kun kiuj mi povas paroli pli libere kaj pli nature ol kun multaj britoj. Dum vojaĝoj en diversaj Eŭropaj landoj kaj en Usono, mi trovis multajn varmajn korojn kaj gast'amajn hejmojn inter esperantistoj.

Pere de Esperanto, mi vidis multon en la mondo, kion, alimaniere, mi ne povus vidi; ekster la kadro de nura turismo[3], mi vidis familiajn vivo-stilojn[4]; malantaŭ propagandaj fasadoj[5], mi vidis partojn de la reala vivo; super la mitoj[6] kaj superstiĉoj[7] pri raso[8] kaj nacio.

Tamen, por mi persone, plej grava estis mia stranga vivo kiel poeto[9] en Esperanto; ĉar pere de Esperanto, mi trovis novan poetan personecon, pli kuraĝan, pli sinceran kaj, eble, pli profundan ol mi trovis, antaŭe, en la angla. Tial, Esperanto, ia-sence, donis al mi mian propran animon.

*Marjorie Boulton*
*Oxford, Anglujo, aprilo 1974* (1/74)

1. doni ebl'econ pri ia uzo laŭ bon'trovo / 2. mal-san'ul'ejoj / 3. vid'ama vojaĝ'ado por plezuro / 4. vivo-manieroj / 5. ĉefaj muroj de domoj / 6. fabel'ecaj rakontoj / 7. ne-sciencaj kredoj pri super-naturaj fortoj / 8. sam'devenaj hom'grup'egoj / 9. verk'isto de versaj verkoj.

*Frigyes KARINTHY*[1] *[Fridjeŝ Karinti]*

# DIPLOMATO kaj SOLDATO



**Rol'uloj:**
*Diplomato*[2] *(**D**)*
*Soldato (**S**)*

**D** *(kun letero en la mano dormas kaj ronkas*[3]*.)*

**S** *(en-venas kun kompleta*[4] *peza ekip'aĵo*[5]*. Li ek-spir'egas, viŝas al si la frunton):* Pu, estas varmege! Pu, estas ege varme!

**D** *(ek-ronkas):* Kiu? Kio? *(Afekteme*[6]*.)* Kial vi kri'egas kaj ĝenas min? Kiu vi estas?

**S:** Mi petas pardonon, alt'estimata ĉef'diplomata sinjora moŝto[7]; mi estas Johano Unuel, kaj mi venas nur de ĉi tie, el la najbara tranĉeo[8].

**D** *(afekteme):* Nu, ĉu vi devas tion fari kun tia bru'aĉo? Ĉu vi ne vidas, ke doloras min la kapo?

**S:** Mi petas pardonon, sed mi apenaŭ vidas ion el via kapo, altestimata ĉefdiplomata sinjora moŝto. Kaj… ne prenu tion kiel ofendon[9]: Pri kio, do, ĝi doloras vin?

**D:** Pro kio? Ja vi parolas facile. Ĝi doloras min pro la serĉ'ado.

**S:** Kion vi bon'volis perdi?

**D:** Mi perdis nenion, amiko. *(Digne.)* Ĉu vi ne scias, kion serĉas diplomato?

**S** *(diven'prove):* Ĉu monon…?

**D:** Ho, amiko! Mi vidas, ke eĉ tion vi ne scias, kial vi batalas.

**S:** Ja, mi scias tion. Ĉar estas milito.

**D** *(digne):* Jen sciu, amiko, la diplomato serĉas la vojon al elvolv'iĝo el komplika situacio.

**S:** Aha. Mi jam ek-konjektas[10].

**D:** Dum du jaroj, mi serĉas la vojon al elvolviĝo. Terura laboro, mi povas diri al vi. *(Afekte.)* Ho, ege doloras min la kapo. Ĉu vi ne havas ian parfumon[11] kun vi?

**S** *(kun kompato):* Mi havis en mia lado-botelo[12] iom da akvo el flako[13], sed mi el-trinkis kun mia kamarado. Kaj… ĉu vere

tiel dolor'egas vin la kapo pro via medit'ado[14]?

*D:* Se vi sentus tion! Estas al vi facile. *(Afekteme.)* Ho, tre doloras min la kapo! Dum du jaroj, mi jam rompas al mi la kapon pri la elvolviĝo!

*S:* *(kun kompato):* Oj, mi multe kompatas la altestimatan ĉefdiplomatan sinjoran moŝton. Ĉu mi povus, eble, ia-maniere inter-veni por helpi?

*D:* *(afekte):* Dankon, amiko; sed mi apenaŭ esperas tion. Ĝoju, ke vi ne estas diplomato! Kiel vi povus helpi al mi? *(Kri'egante.)* Ho, tre doloras min la kapo! Ho, ege doloras min la kapo!

*S:* Tamen, eble... Eĉ sen-saĝa bruto[15] kompatus la ĉefdiplomatan sinjoran moŝton, se ĝi vidus vin tiel suferi. Bon'volu do rakonti al mi, kiel statas la elvolviĝo. Eble, mi konas ian kurac'ilon.




*D:* Jen vidu, amiko! Mi rakontos al vi, kie ni troviĝas nun sur la vojo al elvolviĝo. Antaŭ ses monatoj, ni akceptis ke, en la kazo, se la germana reg'ist'aro emus al tio, ke konsidere al, laŭ kio tamen... do, tiu-okaze, ankaŭ ni konsiderus ke, post ok monatoj, eble, ni meditos pri la afero.

*S:* Hmm. Ĉu nun ne estas eble?

*D:* Kiel estus eble, stult'ulo[16]? Antaŭe, oni devas pri-konsideri, ĉu estas ebl'eco al pampampamo[17].

*S:* Ĉu pampampamo?

*D:* Kompreneble. Sciu, do, ke, antaŭ dek unu monatoj, kaŭzis miskomprenon, ke la Usona admiralitato[18] bezonis tempon por funde konsideri, ĉu tratrala-tratrala[17] aŭ tretrele-tretrele[17]?

*S* Kio estas tratrala-tratrala?

*D:* Nu jen! Nun mi ne havas tempon por klar'igi al vi ĉiujn diplomatiajn fak'vortojn. Eble, sufiĉas tiom, ke oni povus solvi tiun problemon nur, se la angloj akceptus, ke sur la pruoj[19] de la portugalaj ŝipoj la mal-dekstra belgrajno[20] estu turnita dekstren kaj ne maldekstren. Jen kion mi devas prikonsideri. Kaj, dume, ekzistas nek elvolviĝo, nek paco; ekzistas

nenio. *(Ve'ante.)* Ho, tre doloras min la kapo!

***S:*** Nu kaj… kial do ili bezonas tion?

***D:*** Ĉu vi ne komprenas, ke Turkio emus al pac'kontrakto[21] nur tiu-kaze, se mi akceptus modifi[22], en la Stulstula paragrafo[23], la pumpumpuman trian punkton, oblikve[24] kun la kvara punkto, kodifik'ita[25] la 35-an de februaro 1868, tiele kaj tia-maniere, laŭ kiu poste kaj tamen.

***S:*** Nu kaj… ĉu la altestimata ĉefdiplomata sinjora moŝto ne povas tion fari?

***D:*** Kiel do fari tion? Tiu-okaze, mi devus modifi en la kontrabrakto[17] akcept'ita la 65-an de decembro mil naŭcent dudek-tridek, la esprimon "tiel" al "tiele". Ĉu vi povas prezenti al vi, pri kio mi respond'ecas?

***S:*** Kaj… ĉu ne estos ebla la el-iro, ĝis la ĉefdiplomata sinjora moŝto el-pensos tion?

***D:*** Kompreneble ne. Tial mi rompas al mi la kapon pri la elvolviĝo jam de-longe. Ve, ĝi tre doloras min! Ve, ĝi ege doloras min!

***S:*** Hmm, hmm. Vidu, ĉefdiplomata sinjora moŝto, mi diras ion al vi.




***D:*** Kion, kara filo?

***S:*** Mi ne estas kompetenta[26]; do, mi ne povas helpi al la ĉefdiplomata sinjora moŝto. Tamen, mi rekomendus ion, kio ĉesigus vian akran kap'doloron, kaŭzitan de medit'ado.

***D:*** Ve al mi! Kion vi rekomendus, kara filo?

***S:*** Bonvolu fari ĉion laŭ miaj vortoj; kaj vi spertos, ke la doloro rapide for-pasos; mi estas eĉ preta veti[27], ke vi divenos la respondon al tiu umo.

***D:*** Pri tio mi sci'volas, kara filo.

**S:** Do, bonvolu fari tiel, kiel mi diktos[28].

**D:** Bone.

**S:** Klinu vin antaŭen!

**D** *(sin klinas antaŭen.)*

**S** *(metas sian ekipaĵon sur la dorson de la diplomato.)*

**D:** Aauu! Kio estas tio?

**S** *(metas sian paf'ilon sur la ŝultron):* Paciencon! Ankoraŭ okazis nenio...

**D:** Ĉu nenio? Romp'iĝas al mi la ŝultroj!

**S:** Ne timu! Lev'iĝu!

**D:** Vee! Mi ne povas min movi!

**S:** Ĉu ne? Vi eĉ ne devas. *(Pafas en la aeron per pistolo[29].)*

**D** *(timo-plene):* Sankta Maria! Kio okazis?

**S:** Bagatel'aĵo[30]! Simpla grenado[31]. Sed ili ankoraŭ super-pafas. La sekva eksplodos pli proksime. *(Li pafas en la aeron.)*

**D:** Aauuu! Jesuo kaj Maria!

**S:** Ne salt'aĉu! Ĝi, ja, eksplodis mal-proksime. Sed la sekva, ŝajnas al mi, jam estos plena trafo. *(Li pafas kaj batas en la dorson de la diplomato.)*

**D:** Jesuo! Helpon! Oni murdis[32] min! Mi pereis[33]!

**S:** Kioo!? Ne kri'aĉu! Ci – brutaĉo! Estis nur split'eto[34]! La sekva jam, jes, ĝi falos proksime. Ili tuj trovos la ĝustan celon.

**D:** Ho ne... ho ne... nee... ĉesigu... ĉesigu...

**S:** Sed ili ne povas ĉesigi!

**D:** Kial ne?

**S:** Ĉar ankoraŭ ne estas decid'ite, ĉu tratrala-tratrala aŭ tretrele-tretrele? *(Li pafas kaj batas.)*

**D:** Ho ve! Pri kia stult'aĵo vi parolas? Kio estas tratrala-tratrala? Ho, mia dorso! Ĉesigu!

**S:** Ili ne povas, dum oni ne decidas, ke la 39-a paragrafo de la kvara punkto preskribas[35] tiamaniere, konsidere al tamen. *(Li pafas kaj batas.)*

**D:** Kia bruta stultaĵo!? Ja tio havas nenian sencon! Ĉesigu! Ĉesigu!

**S:** Nu tamen... Kion ni devus respondi al tiu letero? Ĉu ni modifos la esprimon "tiel" al "tiele"? *(Li pafas kaj batas.)*

**D:** Ho, kompreneble! Oni modifu laŭ-vole. Ni konsentos pri ĉio... Kiel oni povas diskuti pri tiaj stultaĵoj tiel longe?... Ili pravas... Ĉio estas en ordo... Nur ĉesigu... Mi volas pacon!... Pacon mi volas!...

**S** *(de-prenas la ekipaĵon kaj ĵetas ĝin flanken):* Jen vidu!... Ja mi antaŭ-diris, ke tio ĉesigos la kapdoloron! *(Li eliras.)*

**D** *(rekt'iĝas, palp'adas[36] la dorson, frotas la okulojn, ĉirkaŭ-rigardas):* Ho, mi havis mal-agrablan sonĝon. Nu, sed mi havas taskon. *(Li rigardas al letero.)* Aha!

La plej freŝa letero de la Usona ambasadoro[37]. *(Li legas.)* Kioo? Li ne volas akcepti la esprimon "do"? Tiu-kaze, ne estos inter-traktado! Ni daŭr'igos la batalon! Ni el-tenos! Ni ne timas ilin! Sekve, laŭ tio, kio; sed tamen, des pli, malgraŭ tio! Eĉ, tial, kial!

Tradukis: *Geza* KURUCZ (2/81)

1. el-stara hungara verk'isto (1887-1938), kiu en 1932 fariĝis prezidanto de HES (Hungar'lan-da Esperanto-Societo / 2. supera ŝtata ofic'isto / 3. el-igas laŭtajn sonojn dum dorm'ado / 4. sen-manka / 5. ĉiuj aparten'aĵoj kune / 6. afekti: ŝajn'igi ion per ne-naturaj manieroj / 7. al-parolo de ant'rang'ulo / 8. milit'fos'aĵo por paf'istoj / 9. ofendi: koler'igi per mal-respektaj vortoj / 10. havas ne certan opinion / 11. bon'odora flu'aĵo / 12. lado: mal-dika plato el metalo / 13. mal-pura akvo-kolekt'iĝo sur tero post pluvo / 14. mediti: profunde pensi / 15. kvar-pieda dom-besto / 16. stulta: mal-saĝa / 17. sen-senca vort'aĵo / 18. organiz'aĵo kiu estras milit'istojn / 19. antaŭo de ŝipo / 20. bruna de-naska makul'eto sur vizaĝo kiel alloga marko / 21. grava inter-konsento / 22. iom ŝanĝi / 23. § / 24. ne-rekte / 25. leĝe akcept'ita / 26. ne esti fak'sperta / 27. kontraŭ-meti ion valoran se li ne gajnos / 28. ĉi tie: ordoni / 29. man'pafil'eto / 30. mal-grav'aĵo / 31. ekspod'aĵo de meza forto / 32. intence mort'igis / 33. mortis / 34. akra ero de eksplodaĵo / 35. dev'ige antaŭ-skribas / 36. tuŝ'kontrolas / 37. plej alta reprezentanto de iu ŝtato ekster-lande.

1. akre mal-pacis / 2. inciti: koler'igi per mokoj, atak'etoj / 3. mal-saĝe / 4. trumpeto: milit'ista blov'muzik'ilo / 5. sprono: metala pik'ilo, rapid'ig'ilo por ĉevaloj / 6. pafil'egoj / 7. krutaj deklivoj / 8. tiris pez'aĵon / 9. blekis ĉevale / 10. re-manĝ'ado de herbo / 11. pensoorgano / 12. milit'estro / 13. sin montras en festa aspekto / 14. manĝ'aĵo por bestoj / 15. azene blekis / 16. mal-grav'aĵoj.

*L. C. Deij*[1]

## AL LA JUDA[2] FOR-IR'INTO

Li fermis la kofron[3], man'premis –
adiaŭ!
Sen ia protesto li iris... Hodiaŭ,
mi tion komprenas; LI povis nur miri;
ke MI, la krist'ano, lin lasis for-iri.

Kun kapo klin'ita la kofron li portis.
Li iris la vojon al Auschwitz[4] kaj mortis
sen ia protesto... LI povis nur miri,
ke MI, la kristano, lin lasis foriri.

Kaj, jam, la filo kun filo parolos.
Kaj tiu demandos; la veron li volos.
La mia silentos... kaj povos nur miri,
ke MI, la kristano, LIN lasis foriri.

Ni sentis kompaton kaj monon kolektis,
dum kelkaj, el ni, la infanojn protektis...
Sed Auschwitz EKZISTIS! Nu, kion plu
diri?
Ke MI kaj ke VI... ni lin lasis foriri.

(1/80)

1. [Daj], nederlanda labor'isto, fama Esperanto-poeto / 2. judo: speco de blankaj homoj, sisteme turment'ataj de Hitler'anoj / 3. grandan valizon / 4. [Aŭŝvic] fi-fama koncentr'ejo, pun'labor'ejo precipe por judoj / Arbeit...: Laboro liber'igas. Cinika frap'frazo de la nazi'anoj. Super-skribo en Auschwitz.

# EZOPA FABLO

de

Kolomano
KALOCSAY
[Kaloĉai]

PIED'NOTOJ
en paĝo 12



La ĉeval' kaj bovo, ie,
ek-disputis[1] energie
pri l' merito
en milito.

Diris la ĉeval' incite[2]:
"Eh, mal-sprite[3]
estus dubi mian gloron
kaj valoron.
La ĉevaloj
al bataloj
kuri ĉiam estis pretaj
je l' trumpetaj[4]
sonoj,
(iom helpis ankaŭ spronoj[5]).
Kaj la ŝarĝon de l' kanonoj[6],
tra abruptaj[7] ŝtonoj,
kiuj trenis[8]?
Nur ni!" — la ĉevalo henis[9].

Bov' respondis dum re-maĉo[10]:
"Ĉeval'aĉo!
Vi ja vane fanfaronas;
ĉar ni donas
tamen la plej grandan servon!
Ja al si la cerbon[11]
la marŝalo[12] vane rompas,
vane pompas[13]
la kuraĝo,
se l' furaĝo[14]
mankas.
Kaj al kiu dankas
la viandon la soldat' mal-sata?
Al la bovo mal-ŝat'ata!
Via gloro sole ŝajnas;
ĉiun venkon bovo gajnas."

Paŝtis sin, melankolie,
ankaŭ la azeno, tie.
Ĝi mal-plaĉe aŭdis,
ke sin ili laŭdis.
Ĝi iais[15]
kaj balais
la aeron per oreloj,
kaj ekkriis: "Bagateloj[16]!
Jen la vero:
sur la Tero,
se azenoj ne amasus,
la milit' eĉ ne okazus!"
(2-3/76)



# *La* RUĜA *kruco*

Mizero kaj sufero de miloj da vund'itoj, dum la aŭs-tra-franca batalo apud *Solferino* (en norda Italio, la 24-an de junio 1859), instigis[2] la Ĝenev'anon *Jean Henry DUNANT [Ĵan Onri Dinan]* voki la popolojn al kun-ag'ado per sia libro *"Re-memoro pri Solferino"* (1862). Dank' al *DUNANT* kaj al lia amiko, la svisa armeestro, generalo[3] *DUFOUR [difur]* kaj al pluraj help'antoj, en la jaro 1864 povis okazi la ***Ĝeneva Konvencio***[4] kaj tiam ek-estis la ***Internacia Ruĝa Kruco***. La inter-konsenton, kiu celis la mild'igon de la sorto de milit-vunditoj kaj militkapt'itoj, en 1906 oni pli-ampleks'igis[5] kaj 35 ŝtatoj oficiale[6] akceptis ĝin.

Kiel signon de protekto kaj sekur'eco[7] por fleg'istoj kaj lazaretoj[8], oni adoptis ruĝan krucon sur blanka kampo. Ĝi estas la svisa flago en inversaj[9] koloroj. (La svisa flago havas blankan krucon sur ruĝa kampo.)

De tiam la organizo *Ruĝa Kruco (RK)* agis por la bono de tre multaj sufer'antoj. La devizo[10] de la Ruĝa Kruco estas latine: ***INTER ARMA CARITAS*** *(Inter arm'iloj estu kompato bon'fara).* La tutmonda Ruĝa Kruco konsistas el sam'nomaj landaj societoj (nun, en 1980: en-tute 125).

Alia grava dato en la dis-volv'iĝo de la RK-ideo estis la 5-a de majo



1919. Tiam, dank' al la klopodoj[11] de *Henry P. DAVIDSON* (Uson'ano), oni kreis en Parizo la tegmentan organiz'aĵon: la tutmondan Ligon de ĉiuj naciaj RK-societoj.

Ek-de la embria[12] stato ĝis la plena dis-flor'iĝo kaj efektiv'iĝo de la ideo de *DUNANT*, pasis tiam malpli ol 60 jaroj. Tio estis granda sukceso.

Dum sia historio la *Ruĝa Kruco* ne perd'iĝis en vanaj diskutoj. Kelkaj islam'anoj[13], ekzemple, ne konsentis akcepti la simbolon[14] de kruco. Oni demandis ilin: *Kion, do, vi deziras?* La Irana landa societo volis adopti, kiel simbolon, ruĝan leonon kun suno. La Ligo akceptis la proponon, ĉar gravas ne la simbolo, sed la celo! Irano uzas, do, leo-

# *Tut'monda streb'ado*[1] *al hom'eco*

non. Simile, 19 landaj societoj rajtas uzi lun'arkon anstataŭ kruco. La principo[15] estas: *"Estimi ĉiujn gentojn, kaj celi aktivan pacon per laboro en bon'kor'eco kaj modest'eco."*

*W. PERRENOUD-THEIS*
(Svislando, 1/80)

**1. cel'ado / 2. puŝis al ago / 3. tre alt'ranga milit'isto / 4. interregna inter-konsento / 5. amplekso: grado de grand'eco aŭ de en-havo / 6. oficiala: sankt'ig'ita de rajto-hava organizo / 7. mal-danĝer'eco / 8. malsan'ul'ejoj por soldatoj / 9. en reciproke inter-ŝanĝ'itaj formoj / 10. frap' frazo / 11. pen'adoj por atingi rezultojn / 12. embrio: komenca stato de evoluo de viv'anta est'aĵo / 13. Islamo: religio kies simbolo estas lun'arko / 14. simbolo: bildo kiu vekas en ĉiu homo la saman ideon / 15. fundamenta ver'aĵo.**



## Vortoj, kiuj de-venas de propraj nomoj

En Esperanto, kiel en aliaj lingvoj, ekzistas amaso da vortoj, en kiuj sin kaŝas la nomo de persono, de lando aŭ de urbo. Tio havas, kompreneble, historiajn kaŭzojn. Nun ni prezentas kelkajn interesajn ekzemplojn.

AKADEMIO: *La placo, sur kiu Platono instruis siajn lernantojn, havis la nomon "Akademia", laŭ la antikva heroo de Grekujo* ***Akademos****.*

CARO: *La nomo de la politik'isto Caius Julius* ***CAESAR*** *en la antikva Romo trans-form'iĝis, en diversaj lingvoj, al* ***car, Kaiser*** *kaj aliaj. Cetere, Caesar estis nur lia krom-nomo, kaj ĝi signifas "senhar'ulo".*

NIKOTINO: *La franca diplomato Jean NICOT [Ĵan Niko] kun-portis en 1560 tabakon el Portugalio al Parizo kaj li rekomendis ĝin kiel kurac'ilon.*

Fine, jen du vortoj, kiuj form'iĝis en nia lingvo.

ESPERANTO: *La kaŝ'nomo de doktoro L.L.ZAMENHOF.*

KABEI: *KABE (de* ***KA****zimierz* ***BE****in), fama verk'isto kaj traduk'isto en la unuaj tempoj de Esperanto. Li subite for-lasis nian lingvon kaj re-venis al ĝi nur en la lastaj jaroj de sia vivo. De tiam, kiam talenta homo fariĝas mal-aktiva, oni diras: li/ŝi kabeis.*

(3/73)

# KANTU!

## ☺ Al koro… koron ☺

Versoj de ***Ludmila JEVSEJEVA***
*(Latva poet'ino)*

Muziko de ***Vojtech HEIMLICH***
*[Hajmliĥ] (Israelo)*




Post jaro ree pasas jar',
kaj ni de-nove estas kune.
En la internacia rond',
al Paco servas ni komune.

Nin proksim'igas "verda stel'",
simbola[1] signo de frat'iĝo.
Al koro… koron! Vokas ni
impete[2], verve[3], sen lac'iĝo.

Nin ne dis-igas nigra mort',
pli fortas amo ol atomo[4].
Ni gardu teron de eksplod',
ĝi donis vivon al la homo.

Post jaro ree pasas jar',
kaj ni denove estas kune.
En forta ge-amika rond',
al Paco servas ni komune.

1. simbolo: objekto, kiu vekas samajn penson kaj senton en ĉiu homo / 2. kun granda energio / 3. kun entuziasmo / 4. ĉi tie temas pri atoma bombo: la plej terura eksplod-ajo, simbolo de Milito.

ROLLUDO POR TRI AKTOROJ

# LA FERI'ADO




La rolludo okazas en vojaĝ'ofic'ejo. Malmultaj klientoj[1] venas al tiu oficejo, sed hodiaŭ du amikoj renkont'iĝas ekster la oficejo kaj en-venas. Ili volas kune ferii[2], sed havas mal-samajn dezirojn. Ankaŭ la hungara vojaĝ'agento[3], **Feri** havas deziron. Kiu deziro gajnos? Unu amiko estas sport'ema. Li estas **Aleks**. Li trovos siajn instrukciojn[4] sur paĝo 19, la alia amiko estas kompania[5] direktoro[6], **Luk**. Li rigardu la paĝon 25. La agento trovos siajn instrukciojn sur paĝo 32. La rol'uloj (kaj, eble, help'antoj) legu ilin unue kaj poste aktoru la scenon[7].

Ni prezentas la ludon por viraj roluloj; iuj aŭ ĉiuj povas esti virinoj. Tiu-kaze ni proponas jenajn nomojn:

| Rolulo | Antaŭ-nomo | Familia nomo |
|---|---|---|
| La sportem'ulo | Celin | Djestrebeĉ |
| La komerc'isto | Mila | Boregis |
| La vojaĝagento | Laŭra | Vavoj |

1. homoj kiuj sin turnas al ofic'istoj, ekzemple / 2. ferii: pas'igi ne-mallongan liber'tempon / 3. afer'isto / 4. informojn pri far'ota ago / 5. kompanio: granda komerca unu-iĝo / 6. estro / 7. mallonga parto de teatr'aĵo kun samaj personoj.



# INTERESAĴOJ

## PRI LA NAZ'TUKO

Antaŭ 500 jaroj ankoraŭ ne ekzistis naztukoj. En la fino de la 16-a jar'cento, kiam ili aperis, oni rigardis la naztukojn kiel ornam'aĵojn kaj oni donis al ili la plej diversajn formojn. Poste, en 1785, la franca reĝo *Ludoviko la XVI-a* ordonis, per dekreto[1], ke en la est'ont'eco ĉiuj naztukoj havu kvadratan formon.

## *EKDE LA TRANĈ'ILO ĜIS LA FORKO*



*Nun-tempe tranĉilo, kulero kaj forko ĉiam troviĝas kune sur la manĝo-tablo. Al multaj homoj povas ŝajni, ke tiuj tri iloj venis en la mondon samtempe. Ne okazis tiel. Jar'miloj pasis, antaŭ ol tiu tri-opo en-iris nian ĉiu-tagan vivon.*

*Unue aperis la pra-tranĉilo, jam en la antaŭ-historiaj tempoj. La kulero "nask'iĝis" kiel dua. Ĝi havis la formon de man'kavo.*

*Dum tre longa tempo la tranĉilo kaj la kulero vivis du-ope, sen la forko. Ni scias, ke iam oni ĉiam devis preni kun si tranĉilon kaj kuleron, eĉ al la reĝa tablo. La forko, la plej juna frat'eto, venis en uz'adon antaŭ ĉirkaŭ 300 jaroj. Tiu-tempe ĝi havis nur du branĉojn. En la komenco de la 17-a jar'cento angla vojaĝ'anto menciis al siaj sam'land'anoj ke, en Italio, dum manĝ'ado, oni uzas forkon; kaj li al-donis, ke "tia kutimo ne ekzistas ĉe aliaj krist'anaj popoloj."*

**Rolludo: LA FERIADO.**

**Instrukcioj por la sportem'ulo, s-ro TRAPEN**

Aleks, vi estas aktiva sport'isto. Vi volas ferion kun aventuro kaj risko – akvo-ski'ado, kavern'esplor'ado, ĉeval'rajd'ado aŭ kanot'ado tra sovaĝa akvo. Vi volas ferii, dum almenaŭ du semajnoj, eble, en tendo. Vi havas 500 stelojn por la ferio, sed vi povos prunti 100 aŭ 200 stelojn de amiko, se vi ricevos tre bonan ferio-proponon. Vi estas vegetar'ano, ĉar tio estas san'iga. Vet'lud'ado estas mal-morala. Strange, vi ŝatas mont'grimpi, sed vi ne el-tenas vojaĝi per aviad'ilo.



## INDIANA[1] KALENDARO[2]

En la 19-a jar'cento, la dakotaj[3] indianoj ankoraŭ uzis en Usono la plej praan formon de la "kalendaro". Ĝi konsistas el granda bizona[4] felo. Sur ĝi oni prezentas ĉiun jaron per bild'eto. La ĉi-suba "kalendaro" en-tenas la jarojn de 1800 ĝis 1869. Oni komencas legi ĝin de la mezo, jene:

Tri-oble 10 strek'etoj: "30 dakotoj estis mort'igitaj de sarokoj[3]" ( = 1800). Makul'ita brusto: "Multaj homoj mortis pro variolo[5]" ( = 1801). Hufo-fero[6]: "Iu dakoto ŝtelis ĉevalojn kun hufoferoj" ( = 1802) k.t.p[7].

Aparta homo, ofte maljunulo, al-prenis kiel socian funkcion konservi, en sia memoro, longan vicon da jaroj. Tia spert'ulo sciis ne nur ripeti la sin-sekvajn jarojn sed, por ĉiu jaro, li sciis, krome, rakonti el-staran okaz'aĵon. *(3/79)*



1. indiano: pra-loĝ'anto de Ameriko / 2. tempo-kalkul'ilo / 3. speco de indianoj / 4. bizono: speco de bovo, kiu vivas en Norda Ameriko / 5. epidemia mal-sano / 6. hufo: ung'ego de ĉavalo, bovo ktp. / 7. kaj tiel plu.

**Brazila fabelo**

*De Xavier Marques*

# LA VIVO DE LA HOMO

Dio kreis la **homon** kaj diris al li:

"Iru, vi estos la mastro kaj la supera est'aĵo de la tero. Grandaj laboroj kaj surprizoj[1] atendos vin, sed vi triumfos[2] super ĉio. Via feliĉo multe de-pendos de via volo. Vi vivos **tridek** jarojn."

La homo aŭdis kaj silentis.

Dio kreis la **azenon** kaj diris al ĝi:



"Vi vivos kiel sklavo[3] de la homo; vi trans-portos lin kaj ĉiujn ŝarĝojn, kiujn li metos sur vian dorson. Vi estos sufiĉe diskreta[4] kaj pacienca por toleri la mankojn dum vojaĝoj. Vi vivos **kvindek** jarojn."

La azeno meditis[5] kaj respondis:

"Sklav'eco, ŝarĝo, mankoj, kaj vivi dum kvindek jaroj... estas multe, Sinjoro. Tridek sufiĉas al mi."

Dio kreis la **hundon** kaj diris al ĝi:

"Vi estos la kun-ulo de la homo, kies pordon vi gardos ĉiam atente, serv'ante lin kun perfekta obe'ado, kvankam vi ricevos ne pli ol unu oston por kviet'igi la mal-saton. Vi suferos batojn, sed humila kaj fidela, vi lekos[6] la manon, kiu punas vin. Vi vivos **tridek** jarojn."

La hundo pensis kaj kontraŭ-diris:

"Gardi tage kaj nokte, esti bat'ata kaj suferi malsaton, kaj vivi dum tridek jaroj... Ne, Sinjoro; mi volas nur dek."

Dio kreis la **simion**[7] kaj diris al ĝi:

"Iru! Via okupo estos gaj'igi la homon. Salt'ante de branĉo sur branĉon, imit'ante liajn gestojn, vi celos dis-peli lian mal-ĝojon kaj konservi lian bon'humoron. Vi vivos **kvindek** jarojn."

La simio palpebr'umis[8] kaj petis:

"Sinjoro, tio estas tro por tiel mal-nobla celo... Sufiĉas al mi tridek jaroj."

Tiam la homo ek-parolis kaj diris:

"Dudek jarojn, kiujn la azeno ne volis; dudek jarojn, kiujn la hundo mal-akceptis; dudek jarojn, kiujn la simio

rifuzis, donu al mi, Sinjoro, ĉar tridek jaroj estas tre mal-multe por la reĝo de la animaloj[9]."

"Prenu ilin", konsentis la Kre'into.

"Vi vivos naŭdek jarojn, sed sub jena kondiĉo: vi plen'umos, dum via vivo, ne nur vian destinon, sed ankaŭ tiujn de la azeno, hundo kaj simio."

Kaj tia-maniere vivas la homo.

Ĝis sia trideka jaro, forta kuraĝa rezist'ema, li kontraŭ-staras danĝerojn kaj mal-help'aĵojn, batalas kun energio, venkas kaj konkeras: li estas **homo**.

De trideka ĝis kvindeka jaroj li havas familion kaj laboras sen ripozo por sub-teni ĝin. Sur li amas'iĝas la ŝarĝoj: li estas **azeno**.



De kvindeka ĝis sepdeka jaroj li estas gardostar'anto de la familio. Sin-dona kaj milda, lia devo estas defendi ĝin, sed li jam ne povas altrudi sian volon. Li humil'iĝas kaj obeas: li estas **hundo**.

De sepdeka ĝis naŭdeka jaroj, sen-forta kaj kurb'ig'ita, li estas sen-utila kaj ridinda. Li scias, ke neniu rigardas lin grava, sed li konform'iĝas kaj volonte konsentas gajigi la infanojn per burlesk'aĵoj: Li estas **simio**.

*(1/81)*

1. ne-atend'ita subita okaz'ajo / 2. venkos / 3. homo kiu ne havas rajton/ 4. kondut'anta dece / 5. pensis profunde / 6. tiros la langon sur io; signo de humil'eco / 7. homo-simila besto /8. palpebrumi: fermi, por momento la "kovr'ilojn" de la okuloj / 9. homoj, bestoj.



## PAROL'TURNOJ DIR'MANIEROJ

**En-iri kune kun la pordo** *(frap'fermi la pordon);*

**Naĝi kiel ŝtono** *(tute ne kapabli naĝi);*

**Kapti la okazon** *(frukto-done el-uzi okazon);*

**Tuŝe-fuŝe** *(supr'aĵe, sen iom da atento);*

**En la tago de sankta Neniamo** *(certe neniam)*

**Timi eĉ sian propran ombron** *(tim'egi ĉion)*

**Perdi la fadenon de la parolo** *(forgesi, kion oni volis diri);*

**Renversi ion ĝis fundo fundamenta** *(radike ŝanĝi aŭ alïformi ion);*

**Havi muŝojn en la cerbo** *(esti iom-ete freneza);*

**Sap'umi la okulojn al iu** *(riproĉ'egi al iu);*

**Li estas portreto de sia patro** *(Li tre similas al la patro);*

**Montri la kaŝ'itajn ungojn** *(el-montri la veran malbonan intencon);*

**Li ne scias, ĉu li vidas aŭ vizias** *(Li estas en granda embaraso);*

**Rikolti laŭrojn** *(atingi elstaran sukceson).*

El ***Dom'fabriko*** *de Kolomano KALOCSAY kaj Ada CSISZÁR*

*(1/80)*



# ŜNURO el FUMO

*Afrika fablo*[1]

Iam, antaŭ longa tempo, ĉe la Ĉada lago vivis testudo-patro[2]. Li havis belegan filinon. Ne mankis, do, bestoj am'ind'um'antaj, kiuj deziris edz'iĝi al ŝi.

Sed la patro diris:

"Mi donos mian filinon kiel edz'inon nur al vere saĝa besto; al tiu, kiu estas kapabla ligi akvon en garbon[3]".

"Ho, ho", ĝem'etis la bestoj, ĉar la testudo-filino estis unike[4] bela.

"Ha! Se mi povus iĝi ŝia edzo!" diris la simio[5], la hipopotamo[6], la elefanto[7], la serpento kaj la ceteraj.

Ankaŭ la koro de la ĉimpanzo[8] ek-flamis, kiam li vidis la testudo-fraŭlinon; sed li silentis kaj meditis[9].

La bestoj prov'adis, laŭ-vice, ligi garbon el akvo, sed neniu el ili sukcesis. La testudo-patro deklaris[10]:

"Vi ne rajtas edziĝi al mia filino."

La hipopotamo, la elefanto, la serpento, la simio kaj la ceteraj bestoj multe mal-ĝojis, kiam ili aŭdis la decidon de la patro.

La ĉimpanzo – kiu ĝis tiam silentis kaj meditis – subite demandis:

"Kred'eble, ankaŭ mi povos preni vian filinon kiel edzinon, se mi ligos garbon el akvo, ĉu ne?"

"Jes, jes!" respondis la testudo.

"Bone… sed mi forgesis preni kun mi ŝnuron", plu-diris la ĉimpanzo. "Kara testudo-paĉjo, mi petas, ŝpinu[11] ŝnuron el la fumo de via pipo[12]; kaj, post tiam, mi tuj portos al vi garbon da akvo…"

La vizaĝo de la testudo-patro ek-brilis pro ĝojo. Li kondukis la ĉimpanzon al sia filino.

"Li estos via edzo", feliĉe diris la patro al ŝi.

La hipopotamo, la elefanto, la serpento kaj la ceteraj indignis[13]:

"Ne estas juste! La ĉimpanzo ja ne provis al-porti garbon el akvo!"

La testudo nur rid'etis kaj diris:

"Nur la ĉimpanzo pensis", li diris. "Sole li komprenis, ke oni ne povas ŝpini ŝnuron el fumo kaj ligi garbon el akvo. Fakte, li estas la plej saĝa el vi ĉiuj: tial li ricevos mian filinon kiel edzinon.

(3/79)

1. fabelo, en kiu rolas nur bestoj / 2. kvar-pieda ramp'ulo kies korpon kovras ost'eca ŝirm'ilo sur-ventre kaj sur-dorse / 3. aron da kun-lig'itaj aĵoj / 4. unika: ne-ordinara, ne ĉiu-taga / 5. besto, plej simila al homo / 6. la plej granda besto viv'anta en sen-salaj akvoj / 7. la plej granda sur-tera besto / 8. speco de simio / 9. en-profund'iĝis en pens'ado / 10. diris publike / 11. faru ŝnuron / 12. tabak'fum'ilo / 13. ekkoleris pro mal-just'eco.

# LA NEĜO KAJ LA GALANTO

## Rumana popola legendo

*Kiam Dio kreis ĉiujn sur-ter'aĵojn — herbon, plantojn, florojn — Li ĉiujn ornamis per belaj koloroj. Far'inte la neĝon li diris: "Vi mem serĉu vian ŝat'atan koloron, ĉar vi ĉien vojaĝos!"*



*Tiam la neĝo iris al la herbo kaj diris: "Donu al mi el via bela, verda koloro!" Sed la herbo rifuzis.*

*Poste la neĝo petis la rozon doni al ĝi iom el sia brila, ruĝa koloro. Sed ankaŭ la rozo rifuzis. Blu'etan koloron ĝi petis de la violo kaj flavan koloron de la helianto. Sed neniu plen'umis la peton de la neĝo.*

*Mal-feliĉa kaj mal-ĝoja la neĝo al-venis ĉe la galanto kaj diris al ĝi plend'ante: "Neniu volas doni al mi el sia koloro. Ĉiuj for-pelas kaj pri-mokas min."*

*Kor'tuŝ'ite pri la sorto de la neĝo, la galanto diris kun kompato: "Se plaĉas al vi mia blanka koloro, mi plezure dividos ĝin kun vi."*

*La neĝo danke ricevis la donacon kaj ek-de tiam ĝi portas la blankan vest'aĵon de la galanto. Kiel rekompencon, la neĝo permesas al la galanto el-montri sian kap'eton frue, kiam la printempo ek-venas.*

Tradukis: *Ionel* ONET (2/95)

Aktuala, ne antologia artikolo




La 23-an de septembro 1998 mi ricevis leteron el Tanzanio. Pli malĝojan mi ankoraŭ neniam ricevis.

De ĉirkaŭ unu jaro *Michel NKWIRIKIYE* estas nia kontribu'anto. Li estas 24-jara junulo, kiu nask'iĝis en Burundio, Centra Afriko. Post kiam oni brul'igis ilian dom'eton, li devis for-kuri el sia patro-lando kaj nun li vivas en Tanzania rifuĝ'ejo inter teruraj viv'kondiĉoj. Por ilustri miajn vortojn, mi citas el lia lasta letero (8 septembro 1998):

> *"La gratuloj kiujn vi sendis al mi pro mia lingva labor'eto tre ĝoj'igis min. Tamen, mi pardon'petas, ĉar mi ne povis respondi al vi pli frue. Mi vivas en tre malbona situacio en la rifuĝejo. Mankis al mi vojaĝ'kostoj. Se mi volas sendi leteron, mi devas vojaĝi aŭtobuse al la urb'eto Kigoma (100 km de nia rifuĝejo). La vojaĝo kostas 5000 (kvinmil) tanzaniajn ŝilingojn (= 10 USD) ire kaj re-vene. Tiu sumo estas tre granda. En la rifuĝejo mi ne povas hav'igi ĝin al mi. Mi nepre devas el-peti. Ĉu oni donas al mi, ĉu oni rifuzas, eĉ insultas min, tamen mi ne mal-kuraĝ'iĝas kaj neniam malkuraĝiĝos dum mia tuta vivo."*
>
> *"Ankaŭ la tanzaniaj poŝt'istoj tre mir'igis min. Lasta-tempe, kiam mi sendis al vi la lastan leteron, mi vojaĝis kun 1000 tanzaniaj ŝilingoj krom la vojaĝ'kostoj (5000). Mi havis 6000 ŝilingojn sume. La poŝt'marko kostas 400 ŝilingojn. Kiam mi al-venis, oni postulis 3400 ŝilingojn (ĉ. 7 USD) por la afranko, dirante, ke mia letero estas tro peza kaj suspekt'inda... Pag'inte 3400 ŝilingojn ĉe la poŝt'ofic'ejo, mi restis kun nur 100 ŝilingoj en la poŝo. Kion fari kun tiu sumo? Nenion... Mi restis, dum unu monato, en Kigoma kaj petis helpon de iu ajn, kiu min renkontis por povi re-vojaĝi al mia rifuĝejo."*

Mia-opinie, estas super-flue ion ajn al-diri. Helpu lin, kiu nur povas. Lia adreso: ***Michel NKWIRIKIYE*, C/O Ntahomvukiye Nicodeme, P.O. Box 935 KIGOMA, Tanzanio.**

*Geza KURUCZ, la redaktoro*

**Rolludo: LA FERIADO**
**Instrukcioj por la komercisto, s-ro SAPREZ**



Luk, vi estas direktoro de kompanio, kaj tre okup'ata. Vi tro laboris lastatempe kaj volas kvietan ferion por re-trankvil'iĝi Ripozo kaj apud-mara suno estas bonaj. Vi volas plene pri-zorg'atan, komfortan semajnon. En-tute nur sep tagojn vi havas por feri'ado. Vi havas 700 stelojn kun vi. Vi ne estas sportisto, maksimume vi ŝatas promeni en arbaro aŭ en la naturo.

Vi abomenas amas'turismon – urbo-rigard'ado per plenaj, varmaj busoj kaj la gaja nokta vivo tute ne interesas vin. Ali'flanke, vet'ludi vi ŝatas; dum via direkt'ado vi ofte riskas. Krome, vi ŝatas bone manĝi kaj aparte ĝuas viandajn pladojn – la dimensioj de via talio atestas tion.

## *PROVERBOJ*

**– Prefere tuj ovo, ol iam poste bovo.**
**– Pli bone estas malgranda *"jen prenu"*, ol granda *"morgaŭ venu"*.**
**– Pli kostas la sako ol la tuta pako.**
**– Longe ĉerpas la kruĉo, ĝis ĝi fine rompiĝas.**
**– Pli da okul'paroj, mal-pli da eraroj.**
**– Al la buŝo de oni, neniu povas ordoni.**

## LA PLEJ MALLONGA LETERO



(1/73)

La plej mallongan leteron de la mondo skribis *Victor Hugo* [Viktor Igo]. Kun la manuskripto[1] de sia fama romano «La mizer'uloj», li sendis al la el-don'isto leteron kun la sekva en-havo:

—?

La respondo estis tiel same mallonga:

—!

## JUNA LINGV'ISTO

*ZAMENHOF, la aŭtoro*[2] *de Esperanto, jam kiel gimnazia*[3] *lernanto kreis lingvon. Ĝi nomiĝis* **lingwe uniwersala**. *El ĝi post-restis nur 4-versa verk'eto, la himno*[4] *de la lingvo, kiun – laŭ letero de Zamenhof mem – kelkaj klas'amikoj kune kant'adis en la loĝ'ejo de Zamenhof.*

1. libro, skrib'ita per mano / 2. homo kiu verke kreis ion / 3. gimnazio: speco de mezlernejo / 4. festo-vers'aĵo; oni ofte kantas ĝin.

# VORTO-RINGO

EK!

Metu la mark'ilojn ĉe "EK!". Ĉiu lud'anto ĵetu ĵet'kubon. Kiu sukcesas plej alte ĵeti, tiu ek-ludas unua. Kiam vi atingas spacon, vi gajnas la vorton tie kaj skribu ĝin sur via paper'peco.

La gajn'anto far'iĝas tiu, kiu unua sukcesas formi kompletan korektan kaj senco-havan Esperantan frazon kun almenaŭ kvin vortoj.

Pli spertaj ludantoj konstruu frazojn kun ne malpli ol ses aŭ sep vortoj. Plej spertaj ludantoj plu-ludu ĝis *ĉiu* ludanto formis frazon. Tuj kiam la lasta sukcesas, fin'iĝas la ludo. Gajnas tiu, kiu povas tiam konstrui la plej longan frazon aŭ kiu povas uzi la plej grandan nombron da vortoj por formi pli ol unu frazon.

Antaŭ ol ek-ludi, mem decidu, kiujn regulojn vi uzos.

(3/88)

STARAS

APUD

MI

POR

HAVAS

HODIAŬ

MIA

KINEJO

VIDAS

FRATO

Vi rajtas elekti iun ajn vorton, kiu komenc'iĝas per *a*.

DU

KUN

LA

RUĜA

ESTAS

KAJ

Vi rajtas ricevi unu vorton de via dekstra najbaro.

NI

ALTAJN

TRAJNO

AL

IRAS

ŜIA

Antaŭeniru 2, 3 aŭ 4 spacojn, laŭ via elekto.

PERSONOJN

BUSOJN

PER

KONSTRUAS

VENAS

RAPIDE

JOHANO

AĈETAS

Vi devas doni unu el viaj vortoj al via dekstra najbaro.

# Ses demandoj al J.A.SULLIVAN



Antaŭ dudek jaroj est'iĝis la *KASTORA KLUBO*. Ne nur ĝia est'igo, sed ankaŭ ĝia plua ekzist'ado estas dank'inda grand'parte al la sen-laca ag'ado de sinjoro *J. A. SULLIVAN [Salivn]* (Britio). Okaze de la dat're-veno ni petis lin respondi kelkajn demandojn.

## *Kiu-cele vi star'igis la Klubon? Kion vi sukcesis atingi per tio?*

La Klubo estis, unue, nur lerneja klubo, kiun starigis mia tiama lernej'estro *Norman Williams*. Mi internaciigis ĝin en 1964, ĉar mi kredis, ke internacia organiz'aĵo por infanoj donus al ili la senton de aparten'ado al la tut'monda Esperanto-mov'ado. La jun'ul'aro jam havis sian TEJO[1], sed la infan'aro havis nenion. Ĝis Decembro 1980, kiam mi trans-donis la gvid'adon al *s-ino Barbara CHMIELEWSKA*, pli ol 1500 infanoj al-iĝis al ĝi, kaj multaj instruistoj atestis[2] al mi, ke ĝi donis al lernej'anoj bonan instigon[3] lerni Esperanton.

## *Oni konas vin tre bone ankaŭ kiel verk'iston. Pri kio vi kutimas verki kaj kial?*

Kiel vi jam antaŭ-montris, mia verkista agado estas por-junulara kaj pri tio estas mal-multe dir'ebla, ĉar dum kelkaj jaroj mi ne plu verkas por la infanoj. Antaŭ multaj jaroj mi verkis por ili lego-libron *La junaj detektivoj*[4] ĉar, kiel instruisto de Esperanto al infanoj, mi konstatis gravan mankon de bon'venaj leg'aĵoj. Ĝi estis rakonto pri kontrabandistoj[5] kaj, ŝajne, estis tre populara[6]. Ĝi atingis almenaŭ kvar el-donojn. Sekvis du aliaj libr'etoj *(La junaj trezor'serĉantoj*[7] kaj *La longa marŝo)*, el kiuj la lasta, mi kredas, estis pli sukcesa.

Kiam ek-aperis *JUNA AMIKO*, mi regule skribis por ĝi la *Kastoran Leteron*, en kiun, de tempo al tempo, mi en-metis rakonton, ofte pri iu populara homo. Lasta-tempe mi komencis pensi pri la ideo verki novan por-infanan legolibron kun simila enhavo, sed, kvankam mi emerit'iĝis[8] antaŭ ok jaroj, mi ĉiam havas okupojn! Nu, ni vidos...

### *Kio estis la plej interesa en via ĝis-nuna agado por la infanaro?*

Ĉu la plej interesa? Nu, estas mal-facile diri. Ĉiu kontakto[9] kun infanoj estas interesa. La okazoj, kiuj el-staras en mia memoro, estas, kiam mi persone renkontis anojn de la Klubo, plej ofte en Anglio, sed ankaŭ en Pollando, en Novembro 1982, kiam mi vizitis tiun landon por ricevi la *Ridet-Ordenon*[10]. Vere, tiu vizito superas ĉion alian. Mia edzino kaj mi neniam forgesos la varm'egan akcepton, kiun ni ricevis de ĉiuj: infanoj kaj plen'kresk'uloj!

### *Kion vi ŝatus fari plu?*

Krom la ideo de la infan'libro, kiun mi jam menciis[11], mi havas neniun planon. GEONKLOJ ESPERANTISTAJ, kiun mi starigis en 1958 kaj ĉiam ankoraŭ gvidas, okupas sufiĉe da tempo kaj mi estos kontenta, se mi povos daŭr'igi kiel ĝis nun. Mi jam estas 72-jara!

(84/2)

1. Tut'monda Esperantista Junulara Organizo / 2. cert'igis ke io estas vera / 3. instigi: igi iun al ago / 4. kaŝ'polic'istoj / 5. kiuj sen permeso trans-portas komerc'aĵojn el unu lando en alian / 6. vaste kon'ata kaj ŝat'ata / 7. trezoro: alt'valor'aĵo / 8. emerito: maljuna homo kiu ne plu estas dev'ig'ata labori pro alta aĝo / 9. inter-ligo / 10. honor'insigno / 11. kvazaŭ pretere rimark'igis.

♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦ ♦

## Erara interpretado

Ĉiu-foje, kiam iu vilaĝa knab'eto preter-pasis antaŭ la templo, la ŝtona statuo de la Genio salt'lev'iĝis.

"Tio estas signo, ke mia filo iĝos fama mandareno[1]", radiis la patro. "Eĉ la Genio mem ne kuraĝas resti sida antaŭ li."

Sed, ho ve! La knabeto iĝis neniu alia ol ŝtel'isto, kaj la kolera patro venis riproĉi la Genion:

"Estas hont'inde, Genio! Vi terure trompis min."

"Ĉu vere?" demandis la statuo.

"Kial vi ek-staris ĉiu-foje, kiam mia fil'aĉo preterpasis vin? Tio igis min pensi, ke li havos altan reputacion[2]!"

"Kia eraro! Ek-ridis la Genio. Mi simple timis, ke li ŝtelus al mi la babuŝojn[3]."

El *RIDI vjetname* (3/81)

**1. alt'rang'ulo en kelkaj Aziaj landoj / 2. publika opinio pri la valoro de persono aŭ entrepreno / 3. specialajn ŝuojn sen post-aĵo kaj kalkan'umo.**

# Desegn'ata poemo[1]

Verkis kaj desegnis: *Esperantina* MIRSKA



Estas bulko kaj la pano, ora fiŝo kaj banano,




ronda cirklo, longa streko, eta duo, granda deko,



jen la ŝnuro, blanka velo, la muŝ'fungo kaj ombrelo,



estas ĉapo kaj la ŝuo, larĝa pordo, ŝlos'il'truo,



estas pruno, ruĝa pomo, alta arbo, eta domo,



jen okulo, bona koro, la folio kaj la floro,




*dolĉa kuko, griza muso, nigra rado, ruĝa buso,*




*estas birdo kaj telero, bunta plumo kaj letero.*



*tri-angulo apud kubo, duon'luno kaj la nubo*




*jen botelo, ene vino, la kaliko kaj jam*

## ĈU DESEGNATA AŬ DESEGNITA POEMO?

Vi vidas desegnitan poemon, sed kutime mi legas la poemon kaj sam'tempe la infanoj desegnas ĝin. Cetere, vi povas divers'maniere ludi per tiu ĉi poemo. Jen kelkaj ekzemploj:

① Vi povas kun-glui ĉiujn pecojn. Kelkaj infanoj staru en vico, ten'ante la paper'strion super la kapoj, kaj unu infano kun montr'ilo en la mano, kvazaŭ dirigento[2], montru la bildojn, dum la ceteraj deklamas koruse[3] la poemon.

② Vi povas simple deklami[4] la poemon kaj gesti[5] ĝin per la manoj (kvazaŭ vi desegnus en la aero).

*Via Esperantina* (2/92)

**1. vers'aĵo / 2. muzik'estro / 3. koruso: aro da kant'antoj / 4. prezenti poemon al publiko / 5. prezenti okaz'ajon per movoj sen paroli.**

**Rolludo: LA FERIADO**
**Instrukcioj por la agento, s-ro ACEL**



Feri, vi estas la sola agento en la vojaĝoficejo. Bedaŭr'inde, ĝi ne bone prosperas, venas malmultaj klientoj. Via estro mal-kontentas pri vi. Antaŭ semajno, li donis al vi taskon varbi almenaŭ du vojaĝ'antojn por feriado en Budapeŝto (vidu la detalojn sube). Sed vi mal-sukcesis. *Via estro venos post unu horo. Se vi ne havos du vojaĝ'ontojn, li mal-dungos vin.* Vi tre ĝuas vian laboron kaj ne volas perdi ĝin, vi eĉ rezignus pri via makler'aĵo[1] por varbi du vojaĝontojn. Vi preskaŭ ploras, sed... momenton, du klientoj en-venas kune! Konvinku ilin aĉeti la feriadon al via kara hejm'urbo, Budapeŝto.

## GRUP'VOJAĜO AL BUDAPEŜTO

**Daŭro:** 8 tagoj, inkluzive de la bus'vetur'ado.

**Vojaĝado:** Aŭtobuse (24-hora) aŭ aviad'ile (2-hora, sed 80 stelojn[2] pli).

**Hotelo:** Budapest Hilton. 5-stela[3] kun naĝ'ejo, saŭno[4] kaj kazino.

**Situo:** Sur monto en kastela distrikto. Kun panoramo de Danubo kaj urbo-centro. Apud la fama preĝ'ejo Matiaso kaj la Reĝa Palaco kun multaj muzeoj kaj art'galerioj.

**Manĝoj:** La prezo inkluzivas bufedajn maten'manĝojn kaj unu plian manĝon ĉiu-tage. (Kun nur matenmanĝoj 50 stelojn malpli).

**Inkluziv'itaj ekskursoj:**

- Duon'taga en-urba ekskurso (muzeoj, preĝejoj kaj varm'ban'ejo) per buso.
- Tuttaga al Esztergom (katedralo[5]) kaj Szentendre (folklora[6] kaj art'isma urbo kun sub-ĉiela skanzeno[7]) per buso kaj Danuba ŝip'eto).
- Vizito al nokto-klubo kun festa manĝo (abunda viando), spektaklo kaj danc'ado.

**Kosto:** 700 steloj por ĉiu persono.

(Sekreta krom-informo: makleraĵo por vojaĝagento: 150 steloj.)

1. propra gajn'aĵo / 2. stelo: mon'unuo / 3. kun ekstraj kvalito kaj servoj / 4. vapor-ban'ejo / 5. ĉef'preĝ'ejo / 6. folkloro: popola arto / 7. sub-ĉiela muzeo.

# PAROLAS VARSOVIO EN ESPERANTO...

Pola Radio, Esperanto-Redakcio, Skytka 46, PL-Varsovio, Pollando
El-sendo en TTT: http://www.wrn.org/stations/poland.html/

## Pola Radio pri ni

**"Juna Amiko povas esti interesa ankaŭ por plen'aĝ'uloj"**

*La 7-an de aprilo redaktoro Andrzej PETTYN [Anĝej Petin], kiu antaŭe vizitis Budapeŝton, parolis pri la lasta numero de nia revuo. Li parolis jene:*

Antaŭ mi kuŝas la plej nova, aprila numero de *Juna Amiko.* Ĝi estas internacia lerneja Esperanto-revuo. La tekstoj estas facilaj. Pro la facil'eco de la tekstoj kaj interesa en-havo *Juna Amiko* povas esti interesa ankaŭ por plenaĝuloj, kiuj lernas Esperanton kaj volas ricevi interesan leg'aĵon.

En la numero oni trovas la unuan artikolon el la serio *Komput'ado kaj Esperanto* kun fotoj kaj bildoj, kiuj klar'igas kaj la komputadon mem kaj diversajn fakajn, specialajn vortojn. Mi devas diri, ke mi legis ĉi tiun artikolon kune kun mia filo kaj ni ambaŭ lernis multajn interesajn aferojn pri dat'umoj, storoj, bitoj kaj tiel plu. Ni trovas tie ankaŭ bulgaran rakonton, francan kanton kun muzik'notoj, rubrikon de *Klubo de legantoj*, artikolon pri la dat're-venoj de *Marjorie Boulton* [Marĝori Boltn] kaj *William Auld* [Ŭiljem Old] kun du originalaj vers'aĵoj. Tre interesa estas intervjuo, inter-parolo kun *J. A. Sullivan* [Salivn], laŭreato de la pola "Ordeno de Rid'eto", kiun polaj infanoj donas al siaj grandaj amikoj.

Ne mankas humuraj desegn'aĵoj, bildoj. Kaj la tuto troviĝas sur 24 paĝoj. Oni devas gratuli, ke la nova redaktoro de *Juna Amiko, Oldřich KNICHAL* publikigis tiom da interesa materialo. Ni rekomendas la revuon al ĉiuj komencantoj.

(2/85)

**AŬSKULTU LA ELSENDOJN DE VARSOVIO EN ESPERANTO**

### *ŜERCAJ VERS'AĴOJ* de R. Grinŝpan *(Uzbekio, 3/77)*

Kiu sin puŝas en ĉiun angulon?
Ĉu konas vi tiun arogant'ulon[1]?
Li ĉien sin ŝovas sen hont', sen ĝentilo.
Nom'iĝas sin-truda ul'aĉ': ...
**bala'ilo.**

*Kial virinoj ne ludas futbalon,*
*kial ne amas ĉi sportan batalon?*
*Vi, sen sukceso, klopodus ja provi*
*tiajn dek unu virinojn el-trovi,*
*kiuj konsentus sin vesti, por spekto[2].*
*per sportaj kostumoj de sama aspekto.*

1. mis-kondut'ulo / 2. atento per vido, aŭdo.

# POEMETOJ

## MAL-SUKCESA SEMAJNO

☹

*Dimanĉe mi perdis pupon,*
*lunde — la hel'bluan jupon.*
*Marde perd'iĝis la teko[1],*
*merkrede — hund'ido Keko.*
*La sekva tago: ĵaŭdo*
*pasis, ankaŭ, sen laŭdo.*
*Malbono min sekvas obsede[2]:*
*Kio okazos vendrede?*
*Se perdiĝos frateto Mate,*
*ĉu mi lin serĉu sabate?*

*Ludmila JEVSEJEVA*

## FLUG'DRAKO[3]



Inter brikabrako[4]
Kuŝas la flugdrako,
Mal-gaje susuras,
Veas kaj mur-
muras:
Aŭtune
mi ŝvebis,
kun fiero-
sento
Mi luktis kun
vento
Glisis en aero
Kun plena libero.
Homoj min admiris,
Enviis kaj miris.
Jen vera honoro!
Kaj nun kun hororo[5]
Kaj amara sento
En la sub-tegmento
Obskura[6], perdita,
Tute forges'ita
Mi kuŝas en sako
Inter brikabrako.

*El 'Sorĉa mondo' de Zofia Mirska (2/91)*

*Osvej DRIZ*

## MI NE SCIAS

*Jes, jes, mi ne scias –*
*Sed vi ne rid'etu –*
*Kien, nu, kien*
*La manojn mi metu?!*

*– La vazon ne tuŝu!*
*– La katon ne prenu!*
*– Barelon tamburi*
*Ne decas, komprenu!*

*Mi prenas la kreton,*
*Sed aŭdas subite:*
*– Desegni sur muroj –*
*Mal-permes'ite!*

*La manojn en poŝojn*
*Mi kaŝis – mistero! –*
*– Jen iras pigr'ulo –*
*Mi aŭdas en vero.*

*Do, kion per manoj*
*Ni faru, infanoj?*
*Ĉu eble ni devas*
*Ek-paŝi per manoj?!!*

*(2/91)*





## INVERSE— INVERSE

La ŝu'isto prenas ledon[7],
Faras belan dekstran ŝuon.
Metas mi la dekstran ŝuon
Sur maldekstran la piedon.

Prenas la ŝuisto ledon,
Faras tuj maldekstran ŝuon.
Metas mi la duan ŝuon
Dekstre tuj sur la piedon.

La piedoj, ve, doloras!
Se mi marŝas sur la padoj[8],
Mokas min la kamaradoj.
Pro doloroj mi ek-ploras.

Plori taŭgas ne por bubo[9].
Mi nun metas, ek-de tiam,
Dekstran ŝuon dekstren ĉiam.
Venis suno el la nubo.

*Rikardo Ŝulco* (Germanio, 2/89)

1. lern'il'ujo / 2. kor'preme / 3. kajto, flugo-lud'ilo / 4. for-jet'ind'ajo / 5. tim-ego / 6. malluma / 7. dika materio por ŝuoj / 8. voj'etoj / 9. petola knabo.

## ATENDAS

Mi sola promenas
En flora pejzaĝo
Sed kore ĉagrenas
Sen via vizaĝo

Triste promenas
Vizaĝe al voj'eto
El kiu vi venus
Kun dolĉa skreto



*Verda maro, Ĉinio (3/89)*

*Ludmila* JEVSEJEVA

## Unu-sola en la mondo

*Kiom da steloj sur nokta cielo!*
*Kiom da spikoj[1] sur kampo!*
*Kiom da verdaj folioj sur arbo!*
*Kiom da birdaj tril'kantoj[2]!*
*Nur unu-solas la sun' en la mondo.*
*Nur unu-solas patrin' en la mondo.*

(1/78)

## LA UNUA SOMER'TAGO 1974

L' unua somertago, Aprilo dudek-kvina,
foj'foje mal-varm'eta, kun flirtaj[3] neĝo-eroj,
sed ofte ankaŭ brila de suno ter'patrina
kaj floroj ek-burĝonaj[4] post vintraj frost'suferoj;

sub flagoj alt'lev'itaj en kor'jubil'[5], sen-tima,
la stratojn tra-paŝ'ante, kun kantoj de esperoj,
la infan'ar' islanda, al tago vintro-fina,
ek-levas siajn sentojn en ĉiuj ek-someroj.

Somer'! Mi vin salutas en tia akompan'[6],
en mezo de la bunta[7], ĝoj'plena procesio,
kun vi, geknaboj miaj ok-jaraj, ĉe la man';

kaj mia penso vagas[8] al blua diafan'[9]
de tia tago fora, de sama tradicio,
sed kun alia mano en mia — via man'...

*Baldur* RAGNARSSON (Islando, 3/75)

1. kapo de pan'herbo; ĝi en-tenas la semojn / 2. trilo: alt'voĉa ornamo de kanto / 3. mal-peze flug'anta / 4. est'antaj antaŭ ek-floro / 5. ĝoj(eg)o / 6. kun-marŝ'ado / 7. plur'kolora / 8. iras foren kvazaŭ sen-cele / 9. tra-laso de lumo.

# LA PINGVENO

Havis mi pingvenon
kaj mi nomis ŝin Maria
kvankam kaŝis sub
plum'aro ŝin
struktur' anatomia

sed ŝi longe svingis, kiel in',
la koksojn dum promeno
kaj okupis la ban'ejon ŝi
dum tuta la mateno

Ankaŭ plankon, en komenco,
ŝi pur'igis (voste)
kaj kuiris, ĉefe fiŝojn —
tre bon'guste — iom oste

sed poste ŝin al dom'laboro
mi instigis vane.
Kun koktelo ĉe la beko
ŝi rigardis min rikane

kaj decidis mi fin'fine
ke pli estas ol sufiĉo.
Iru ŝi al best'ĝardeno
ĉesu mia mal-feliĉo

nu, post ploro, al frid'ujo
la pingveno fuĝis krie
kaj pri suda glaci'lando
kantis ŝi melankolie

ĝuste tiam preter-pasis
reĝisoro (estis ruso)
de nova rok-opero
pri mal-kovro de poluso

kaj vi, certe, jam divenis —
li pri voĉ' pingvena miris
kaj tuj la ĉef'rolon de l' opero
ŝi akiris

De Moskvo al Novjorko
ŝia stilo ege plaĉis.
Baldaŭ pri pingven' Maria
la tuta mondo klaĉis

Aperis ŝi en filmoj
kun *Madonna* kaj *Tom Cruise*-o
kaj skandalojn partoprenis
pri am'antoj kaj ĵaluzo

Al tag'manĝo ŝin invitis
kaj reĝin' kaj prezidento
ŝi fervoris pri konservo
de la glaci'kontinento

En ŝia luksa hejmo
en Sud-Kalifornio
iu, foje, intervjuas ŝin
pri vivo aŭ alio

La paroloj, televide, el-send'iĝas
kaj se vi
dum spekt'ado tre atentas,
foje, ek-aperas mi

Kiel stranga estas Sorto
kiu niajn vivojn stiras —
nun-tempe mi ĉe ŝi
purigas plankon kaj kuiras

Havis mi pingvenon
sed , vi vidas, ĉe la fin'
pli vere estas diri,
ke pingveno
havas min!

*Majk SADLER*
(4/95)







**_Saluton!_**

*Jen mi, **Villi.** Profesie la **talismano** de la sekva Internacia Infana Kongres'eto (IIK) de Esperanto kaj diligenta abelo. Mi jam estis en Potsdam, Germanio, kie somere okazos IIK. Pri la ebl'ecoj mi volas informi Vin.*

Eble, ankaŭ vi venu al Germanio en aŭgusto. Mi jam vizitis la lokon. Nia ejo por la kongreseto situas en arbaro, en natur'parko. Mi parolis kun kamelo kaj sciuroj, kiuj tie loĝas, dancis kun indiano kaj ĉe la *DIABLA LAGO* mirakle savis mian vivon.

Mi provis ĉasi la mal-puran krokodilon kaj kun infanoj el la Turisma Centro, dum iu nokto, ĉe la tend'ara fajro mi preparis ovojn sur ŝpato. Ni dancis kaj lernis novajn, gajajn kaj zum-zumajn kantojn. Kredu aŭ ne, estis tiel. Ĉu vi diras, ke mi fanfaronas?! Venu, do, al Potsdam kaj mem kontrolu!

Ekzemple, ĉe la *Diabla Lago* loĝas mia amiko, la eta diablo. Li rakontis al mi la sekreton pri la trezoro en la lago. Ankaŭ li – same kiel mi – jam sen-pacience atendas la kongreseton por kon'at'iĝi kun vi.

Ha! Mi antaŭ-ĝojas la semajnon dum IIK! Sed mi havas peton: la organiz'antoj de IIK (vi scias, plen'kresk'uloj!) ne havas sufiĉe da fantazio por organizi kaj prepari infanan programon. Ili ne scias, kion vi ŝatas. Ĉu vi povas doni al ili ideojn kaj proponojn? Kion fari dum tuta semajno? Kion vi deziras? Kio nepre okazu? Skribu al mi leteron!

Senpacience atend'ante Vian respondon via:

*Villi*

Deutsche Esperanto-Jugend, Al Villi Abelo,
Grellstr. 36, D-10409 Berlin, tel.: +49+30+42857899

Karaj infanoj!

Mi devis for-peli Villi de mia skribo-tablo, por ke mi povu doni al Vi pluajn informojn pri la aranĝo. Nia kara abelo estas tre babil'ema, sed apenaŭ ion diras.

Ĉu vi interes'iĝas partopreni?

La Kongreseto okazos de la 31-a de julio ĝis la 7-a de aŭgusto 1999 en Potsdam. La partopren'kotizo estas 430 DEM por la leg'antoj de *Juna Amiko,* kiuj al-iĝas antaŭ la 31-a de marto 1999. Por partopren'ontoj el ne-pagi-povaj landoj ni provas akiri subvenciojn, por ke la kostoj estu mal-pli altaj. Demandu nin pri tio aŭ pri aliaj aferoj, kiuj interesas vin. Petu al-iĝ'ilon ĉe la supra adreso.

Ankaŭ mi jam atendas vin:

*Sabine Trenner*

# La burdo



Ĝi flugas fide inter floroj
bru'ĝue, iom drole[2] –
bizara[3] burdo kun deĵoroj
en foli'kadraj koridoroj
kaj serĉ'instigaj dolĉ'odoroj,
aktive kaj sci'vole,

sen-scie, ke post pruvo-celoj
mekanik'istoj trovas
per testoj en la vent'tuneloj,
ciferoj, skizoj kaj modeloj,
ke korpoj forme de bareloj[4]
neniam flugi povas.

La burdo estas flug'uniko
sen doktor'iĝa tezo[5],
nenion scias pri logiko,
nek pri necesa lev'tekniko,
kaj malgraŭ fenomena diko,
sin pafas for kun pezo.

Trankvila kaj facil'anime
en ĉiu-taga rito[6]
ĝi zumas flegme[7] kaj pilgrime
al floraj koroj kis'intime
kaj ŝvele[8] ŝarĝas sin sublime[9] –
ne gravas la gravito[10]

*Bertram* P*OTTS* (Nov-Zelando)

(4/91)

1. la plej granda speco de abeloj / 2. laŭ amuza maniero / 3. strang'ega / 4. dika, larĝa ujo / 5. scienc'nivela raporto cel'anta pruvi ion / 6. kutimo / 7. kun mal-multa parolo / 8. grand'iĝe / 9. bel'ege, super-bele / 10. al-tir'forto al la centro de la Tero; pro gravito objektoj falas, tamen ne burdoj.

# Komput'iloj kaj ESPERANTO

Jam aperis multaj skrib'aĵoj pri komputado en Esperanto. Kiam renkontiĝas esperantistaj komputistoj el diversaj landoj, ili parolas Esperante. Sed Esperanto ne estas nur *parol'ilo* de komputistoj. Oni povas ĝin ankaŭ pri-labori per komputilo.

Esperanto havas gravan lokon en teksto-prilaboro. La *naturaj* lingvoj (rusa, angla, hungara ktp.) estas tre mal-simplaj: la vort'fin'aĵoj diverse ŝanĝ'iĝas (oĥ, la pen'igaj gramatikaj stud'horoj!); iu vorto havas jen tian jen alian en-havon, kaj la elparolo ofte estas mal-facila. La strukturo[1] de *Esperanto* estas tre simpla kaj regula (ĉiu substantivo fin'iĝas per -o, la pluralo per -j, ktp.); la vortoj havas ĝenerale unu sencon, skribi kaj el-diri la vortojn ne estas problemo.

Pro tiuj ĉi ecoj Esperanto estas tre bone uz'ebla por *komputila prilaboro*, ĝi povas esti inter-kompren'ilo ne nur inter la homoj, sed ankaŭ inter homo kaj maŝino aŭ inter komputiloj mem.

## ■ *"Parolo" inter homo kaj maŝino*

Por "paroli" kun la komputilo oni uzas program'lingvojn. Sed la programlingvoj havas ligojn kaj limojn (ĉiu ordono havas sian propran formon). Nur special'istoj povas ilin uzi. Estus pli bone, se oni povus interkompreniĝi kun la komputilo per natura lingvo. Oni faras eksperimentojn[2] pri tio.

La programlingvo PROGRESO (ellaboris ĝin *Antal MÜNICH* [Miniĥ], Hungario) estas ***progr**am'ada **E**speranto*; la ordonoj estas en simpla Esperanto. PROGRESO estas facile lern'ebla ne nur por komputistoj. Ĝi estas uzebla, ĉefe, por teksto-prilaboro kaj ankaŭ por instru'ado.




ESPLORANTO (ĝin ellaboris *Péter GERŐ* [Peter Gere], Hungario) estas eksperimenta dialoga[3] sistemo inter homo kaj maŝino. Al la komputilo oni povas fari kelkajn simplajn demandojn en Esperanto.

## ■ *Prilaboro de parolo*

Ekzistas *komputiloj, kiuj parolas,* tamen, ne en ĉiuj lingvoj same bone kaj nature. Profesoro *B. SHERWOOD* [Ŝevud] (Usono) sintezis[4] parolon el divers'lingvaj tekstoj. Ankaŭ la komputilo malfacile eldiras la anglajn vortojn, krome necesas, antaŭe, manipuli[5] la tekston. Esperanta parolo estas tre natura sen iu ajn manipulo,

ĉar la literoj estas elparol'ataj, ĝenerale, same kaj la akcento estas ĉiam sur la antaŭ-lasta silabo. Ankaŭ kompreni la Esperantan parolon estas por komputilo pli simpla afero ol kompreni alian parolon. La regulaj finaĵoj en Esperanto (*-o, -oj, -on, -ojn, -is, -as, os,* ktp.) multe helpas la komprenon. La sistemo MIKROLEA (ellaboris ĝin *M. T. JANOT-GIORGETTI,* Francio) povas kompreni ĉirkaŭ 200 Esperantajn vortojn kaj eĉ instrui tiun, kiu lernas la elparolon.

## ■ *Traduk'ado per komputilo*

Traduki el aŭ al Esperanto estas pli simple pro ties klaraj strukturo kaj signifo. La traduk'sistemo SUSY (*H. D. MAAS,* Germanio) povas traduki inter Esperanto kaj la germana.

Esperanto havas tre grandan avantaĝon[6] kiel ponto-lingvo (por trans-igi ion). La ĉefan gajnon, en la nombro de traduk'aĵoj kaj sekve ankaŭ en la kostoj, montras la suba bildo.

La sistemo DLT (Distribu'ita Lingvo-Tradukado; ellaboris ĝin la grupo de *WITKAM,* Nederlando) uzas Esperanton kiel pontolingvon kun iom da ŝanĝoj por tiu celo. Tajp'ist'ino[7] en-igas tekston en sia nacia lingvo kaj la komputilo tuj tradukas ĝin en Esperanton. Se ĝi ne komprenas ion, la tajpistino helpas. La informojn oni konservas, do, en Esperanto kaj pere de komputil'aroj ili povas atingi tre mal-proksimajn lokojn, kie la komputiloj tradukas la tekston en nacian lingvon. Tia-maniere multaj homoj povas ricevi informojn el grandaj centraj datum'aroj.

*Ilona KOUTNY* [KUTNI] (1/85)

1. konstruo / 2. sciencajn provojn / 3. inter-parola / 4. unu-ec'igis / 5. laŭ-bezone al-ĝust'igi / 6. super-econ / 7. maŝin'skrib'ist'ino.



sen Internacia Lingvo (IL)

6X(6–1) = 30 traduk-programoj



kun Internacia Lingvo (IL)

2X6=12 traduk-programoj

**La bildoj montras la komparon de tradukoj sen kaj kun IL kaze de 6 lingvoj.**

# La telegramisto

# Poŝto

**Skeĉo, kiun vi povos aktori[1] en via klaso aŭ grupo. Multan amuzon!**

***Sceno****: antaŭ la pordo de apartamento[2].*

***Rol'uloj****: **Telegram'liver'isto[3]** (T), kiu havas uniformon[4]. Ĝi havas insignon sur la ĉapo kun ne nur la poŝta korno, sed ankaŭ muzik'notoj.*

***Loĝ'anto** (A) de la apartamento: mez'aĝa viro.*

❄

*T al-venas kaj frapas ĉe la pordo. Apartament'ano mal-fermas ĝin.*

**T:** Bonan tagon, sinjoro! Mi estas telegramisto. Mi havas telegramon por vi. *(Li faras nenion.)*

**A:** Nu, bone! Bon'volu doni ĝin al mi.

**T:** Ho, ĝi ne estas tia telegramo, kiun mi **doni** povas al vi!

*A:* Ĉu vi ne povas doni ĝin al mi? Kial ne?

**T:** Ĉar mi jam parkeris[5] la en-havon kaj for-ĵetis la paperon!

**A:** Vi parkeris ĝin? Ĉu vi memoras ĝin?

**T:** Jes, mi en-kap'igis la mesaĝon[6]. Mi havas bonan memoron.

**A:** Nu, bone. Bonvolu **diri** la telegramon al mi.

**T:** Ho, ĝi ne estas tia telegramo, kiun mi **diri** povas al vi.

**A:** Ĉu ne povas diri al mi? Kial ne?

**T:** Ĉar mi estas kant'anta telegramisto! Mi **kanti** devas ĝin al vi!

**A:** Ve! Nu, bone, kantu al mi mian telegramon.

**T:** Bon'ege! *(El-prenas fajf'ilon por havi la komencan noton – ekkantas laŭ la melodio "Ĝojan tagon" – la naskiĝ'taga kanto.)*



Ĝojan tagon al vi,
ĝojan tagon al vi,
Jen kant'ata, kara Janĉi,
Naskiĝtaga salut'!

**A:** Momenton! Mi ne estas Janĉi kaj ne estas mia naskiĝtago!

**T:** Ho, ve! Mi bone memoris la telegramojn – eble mi miksis ilin.

**A:** Do, ne plu ĝenu min. Adiaŭ! *(Li fermas la pordon.)*

*T (frapas la pordon):* Sed, sinjoro, mi havas aliajn telegramojn, unu certe estas por vi. El-venu kaj aŭskultu!

*A (elvenas):* Esper'eble, vi ne havas tro multajn. Eble estos grava mesaĝo por mi, do mi aŭskultos viajn telegramojn, sed bonvolu kanti rapide, mi estas bol'ig'anta ovon interne!

**T:** Certe, sinjoro. Mi prenos mian fajfilon por rapidaj kantoj. *(Li elprenas alian fajfilon, blovas ĝin kaj ekkantas laŭ "Brilu, brilu, eta stel'"):*

Brilu, brilu, Damo[7] Stel',
Monde fama pro la bel'
Amik'iĝu mi kun vi,
Tru'kolekton montros mi!
Venu, venu, Damo Stel',
Rendevue[8] en hotel'[9]!

**A:** Sufiĉa! Sufiĉa! Ne kantu plu! Unue, mia nomo ne estas Stel'. Due, mi ne estas Damo, trie mi ne estas aparte bela.

**T:** Efektive, vi pravas. Eĉ mi dirus, ke vi estas aparte malbela!

**A:** Hmmf! **Mia** telegramo, bonvolu kanti **mian** telegramon.

**T:** Do, mi provos trovi alian por viro. Ha jes! *(Fajfas, ekkantas laŭ la melodio "Esperanto estas la lingvo por ni" ek-de la strofo[10].)*

Saluton, sinjoro Abento,
Ni aŭdis, ke suferis vi
pro aŭtomobil'akcidento,
Not'indas la ĉi-sekva kri' –
Ri-pa-ra-do estas la tasko
de ni, de ni, de ni!
Ne-tro-al-ta estos fakturo de ni!

**A:** NE! NE! NE! Mi ne estas s-ro Abento, mi ne suferis akcidenton, mi eĉ ne posedas aŭtomobilon – kaj se mi havus, mi certe ne ripar'igus ĝin ĉe kompanio[11], kiu kapablas krei tiajn abomenindajn[12] reklam'sloganojn[13]! Mi

jam aŭdis tri el viaj stultaj kantataj telegramoj kaj sufiĉas! Mia ovo, certe, jam ŝton'iĝis! For-iru! *(Li bru'fermas sian pordon.)*

*T:* Sed, sinjoro, sinjoro, bonvolu reveni!

*A (de interne):* NE!!!

*T:* Sed, sinjoro, mi havas unu telegramon, kiu ne estas kant'enda!

*A (malfermas la pordon iom-ete):* Ĉu ne kantata telegramo?

*T:* Absolute[14] ne, sinjoro!

*A (elvenas kun ŝton'iĝ'inta ovo):* Kiu-speca telegramo ĝi estas?

*T:* Ĝi, sinjoro, estas... **kanto-danca** telegramo!!!

*A:* Aaaaargggghh! Absolute ne! Foriru! *(Li fermas la pordon, sed la telegramisto jam metis sian piedon en la pordo-truon.)*

*T:* Aaaaaaarghhhh! Mia piedo! Ho, la vivo de telegramisto ne estas facila! Elvenu, sinjoro! Vidu kaj aŭdu mian kanto-dancan telegramon!

*A:* Ve! Kial ne? Mia ovo jam estas detru'ita. Kantu, dancu!

*T (sur-metas danc'ŝuojn, prenas fajfilon, kantas laŭ "Klementin'.")*

Last'semajne, iris trajne,
perdis palton[15] en vagon',
Tion mi trovis kaj konservis
kaj en Jorko tenas ĝin.
*(Dancas.)*
Viajn monon kaj adreson
trovis mi en ĝia poŝ'.
Venu al mi, re-ricevi,
ne pag'endos unu groŝ'!

*A:* Ho, mir'inde! Last'semajne mi ja veturis trajne! Kaj la trajno plu iris al Jorko. Kaj mi perdis palton! Mian plej ŝat'atan palton! Kaj, jes, mi memoras, mia nomo kaj adreso estis skrib'itaj sur paper'peco en unu poŝo. Bon'ege! Tiu mesaĝo **estas** por mi! Mi ege volas re-havi tiun palton!

*T:* Kia sukceso! Tiu telegramo ja estas por vi. Bonege, de-nove la poŝto brile plen'umas sian taskon! Mi tre ĝojas! Ĉiam je via servo, sinjoro, ĝis revido!

*A:* Sed, ne foriru! Diru, kiu sendis al mi tiun telegramon!

*T:* Ĉu vi ne aŭskultis? Iu sinjoro, kiu loĝas en Jorko!

*A:* Sed mi devas scii liajn nomon kaj adreson!

*T:* Liajn nomon kaj adreson? *(Paŭzo.)* Sinjoro, ĉu vi ne ĵus aŭdis, kiom da telegramoj kaj kiom da melodioj mi devas memori! Vi ne serioze supozas, ke mi krome kapablas memori la nomojn kaj adresojn de ĉiuj send'itoj, ĉu?

*A:* Sed, sed... ĉu vi vere ne scias, kiu sendis tiun mesaĝon?

*T:* Ne!

*A:* Aaaaaaaaaarrrrrgggghhhhh! *(Li kolapsas[16] svene[17].)*

*T:* Ankoraŭ unu kontenta kliento[18]! *(Li foriras kant'ante laŭ la melodio "Frat' Jakobo".)*

Te-le-gra-moj, te-le-gra-moj,
En memor', en memor'.
Servo de la poŝto,
Servo de la poŝto,
kantas mi, kantas pli!

*Stefan MACGILL* (1/93)

**Klubo de Legantoj**

Iama rubriko de la revuo. Gvidis ĝin nia kar'memora ĉeĥa amiko, *Josef* CHVOSTA [ĤVOSTA]. Ĉu estus utile re-komenci ĝin?

## OVGnIl AtErKes ←

OvGnIl AtErKes

Kiam Karolo volis, ke liajn leterojn aŭ skrib'aĵojn komprenu nur tiuj, kun kiuj pri tio li konsentis, li uzis sekretan lingvon. Li el-pensis eĉ du sistemojn. Ili ambaŭ estas, iel, baz'itaj sur Esperanto. Kompren'eble, oni pli bone povas ilin skribi ol paroli. Ĉu vi povas kompreni tekstojn skrib'itajn en tiu sekreta lingvo?

Karolo sendis salut'kartojn el sia vojaĝo:

**Lese enolu,**

**no ŝemaves zop im noe zuĵehu. No zobovoŝ noeĵap ĝiuplamuĵap lej siŝvoŝ voi limeĵp veĝeĵp.**

**Zoe Karolo**

*Ĵupu uleĵi,*

*le rukoŝur tem ak leu tiĥugi. Le teveŝer leuĥam faimĵakiĥam ĵuĥ parŝer ŝea ĵakĵuĥm ŝufiĥm.*

*Teu Karolo*

Kion skribis Karolo? Vi certe baldaŭ solvos la tekston kaj la principon[1], kial pli bone oni povas ilin skribi ol legi. (Solvo sur la paĝo 51)

(4/88)

1. bazan regulon.

**ŜERCAJ DEMANDOJ** (Respondoj sur la paĝo 51) (1/80)

- Kiam diras hindo: "Bonan matenon!"
- Kio estas la multe-nombro de 'soldato'?
- Kia iĝas verda tuko en la blua Danubo?
- Kio ek-estas, kiam dek Nederlandanoj diskutas pri Rembrandt?

PIED'NOTOJ de *LA TELEGRAMISTO* (paĝoj 42-44)

1. aktoro: teatra art'isto / 2. loĝ'ejo / 3. telegramo: fulm'letero / 4. distingan veston de profesi'uloj / 5. laŭ-vorte en-kap'igis / 6. sciigon / 7. eleganta sinjorino / 8. rendevuo: am'renkonto / 9. gast'ejo / 10. kelk'linia vers'aro / 11. ekonomia produkta unuo / 12. abomeni: mal-ŝat'egi / 13. slogano: frap'frazo / 14. tute / 15. palto: varma super'vesto / 16. mal-funkciiĝas / 17. sveni: perdi la konscion.

# enigmoj

de Dieter BERNDT (Germanio)




***Skribu ĉiam la saman vorton horizontale[2] kaj vertikale!*** *(R = nur la radiko de la vorto)*

1. Ĝi kovras la plej grandan parton de la Ter'globo; 2. far'iĝi vid'ebla (R); 3. sonĝi sen dormo; 4. direkto, en kiu la suno lev'iĝas; 5. direkto, kiu montras al poluso[3] (R); 6. verko por tri muzik'iloj; 7. oni sentas ĝin per la nazo (R).

*La solvon vi trovas sur paĝo 51.*

**1. mir'iga, super-natura / 2. horizontala: — ; vertikala: | / 3. ĉiu el la du mal-varm-egaj partoj de la ter'globo.**




(Solvoj sur paĝo 51.) (1/79)

## GOGO KAJ AMIKOJ DE MARTIN WEICHERT (2/95)



# humuro



Kvin-jara Karlo venas hejmen sanga kaj kun vundo sur brako. La patrino demandas: "Kie vi estis? Kial vi estas vund'ita?"

"Fritz ĵetis ŝtonojn kontraŭ min."

"Nu, en tia okazo vi devas voki min", diris la patrino.

"Ĉu vin? Vi ja ne trafas eĉ la muron de nia kabano[1]", respondis la filo.

1. dom'aĉo / 2. liber'tempo / 3. en-igi en la ventron el la buŝo / 4. mon'unuo / 5. mal-dolĉe.

## INFANAJ ŜERCOJ

"Petro!" kolere diris la patrino, "kial vi ne salutis hodiaŭ vian instruistinon?"

"Ĉu mi salutu ŝin ankaŭ dum la ferioj[2]?"



**La dek-jara Oskar preĝas vespere:**

**"Kara Dio, faru tiel, ke Parizo estu la ĉef'urbo de Anglio. En mia ekzameno mi skribis**

***Malgranda Viktor diras al panjo:***

***"Niaj novaj najbaroj estas tre malriĉaj!"***

***"De kio vi scias?"***

***"Nu, kia kri'ado est'iĝis, kiam ilia eta filo for-glutis[3] tri-kopekan[4] moneron!"***

Knabin'eto ploras amare[5]. Iu sinjoro demandas: "Infan'eto, kial vi ploras?"

"Linjo batis mian buterpanon el miaj manoj."

"Ĉu kun intenco?"

"Ne, kun kolbaso."

*Johannes* *PALU*, Tallin, Estonio

(1/92)


MILITAJ LUDOJ
Aranĝis: Stefan MACGILL
Desegnis: Pavel RAK
NI LUDU MILITOJN!
BONE!
DO MI ESTOS LA SENTIMA HEROO, LA DEFENDANTO DE LIBERECO KAJ DEMOKRATIO!
KAJ VI ESTU LA PERFIDE SENDIA DIKTATURA SUBTREMANTO.
HMM
KIUN ONI TAFAS PER SAGO, DEVAS MORTI KAJ GAJNAS LA ALIA FLANKO
KOMPRENITE
EK!
TŬOK
ZIFF!
IOM STULTA LUDO, ĈU NE?

# KANTU!

# Aŭtuna plendo

GERMANA POPOL'KANTO

Traduko kaj muzika aranĝo: *Franz-Georg RÖSSLER* (Germanio)










Foriros, aĥ, Dio, foriros la somer'.
Brun'iĝos la plant'ara verd',
al ni, al bestoj estos perd'.
Foriros, foriros, foriros la somer'!

(8) Akompan'aĵo obstina (Piano aŭ gitaro)




(3/91)

• Kvar 13-16 jaraj knabinoj, Oksana, Saŝa, Tanja kaj Nadja deziras korespondi tut'monde. Leterojn sendu al: Esperanta Klubo L. L. Zamenhof, Anja Vojnaroviĉ, abon'kesto 306, UA-343871 Avdejevka-3, Donecka regiono, Ukrainio.

• Kvin 12-14-jaraj geknaboj deziras korespondi pri diversaj temoj. Skribu al: *Cristiane Pereira de Oliveira,* SQN-305-C-114, BR-70737-030 Brasilia-D.F, Brazilo.

• Tridek mez'lernej'anoj (16-19-jaraj) deziras korespondi kun ĉiuj landoj individue aŭ grupe. Adreso: *Elżbieta Biskup,* ul. Wojnara 1, PL-43-316 Bielsko-Biała, Pollando.

• Leonardo Pampaloni, instruisto en itala elementa lernejo volas trovi




partnerojn en la projekto kadre de Programo "Comenius" de Eŭropa Unio. Adreso: *Leonardo Pampaloni,* via Pier Cironi 15, IT-59100 Prato, Italio.

• Dekkvar 10-jaraj hungaraj geknaboj de bazlernejo deziras korespondi tut'monde. Skribu al s-ino *Helena Fedor,* Olvasztár u. 1, H-3533 Miskolc, Hungario.

• Dekdu 14-jaraj geknaboj serĉas leter'amikojn. Adreso: Mez'lernejo Nr.5, Dariaus ir Giréno 7, LT-4520 Marijampolé, Litovio.

**Ni preferas korespond'petojn de ge-junuloj kaj instruistoj**

La prezoj por *Ekzercoj al la tuta pasporto,* reklam'itaj sur la dorsa kovrilo de nia numero 98/4 estas mal-alt'ig'itaj. Ĉe UEA kaj ILEI ili kostas 9,60 (bind'itaj) kaj 7,80 (ne-binditaj). La kolekto kun du vid'bendoj, la ekzercaro kaj scenara teksto kostas 174 NLG ĉe UEA. La prezo ĉe ELNA estas 90 USD por la kompleto kaj 4 USD por la ekzercoj nebinditaj kaj 5 USD por binditaj (en usona paper'formato). Mend'ante la bendon, informu, ĉu vi deziras ĝin en formato PAL aŭ NTSC.

| | NLG | DEM | USD | 2-4 abonoj | Ekde 5 | Aere |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Tarifo 1 | 24 | 21 | 15 | -33.3 % | -50 % | en la prezo |
| Tarifo 2 | 13 | 12 | 8,50 | -33.3 % | -50 % | +20 % |
| Tarifo 3 | 9 | 8 | 6 | -20 % | -30 % | +20 % |
| Hungario | 600 HUF | | | po 480 HUF | 420 HUF | — |

# SOLVOJ

## Numero 98/4

① Per radiko 'kor' multajn trafajn frazojn sendis: *Irina Nagy* kaj *Antal Farkas*. Ili ambaŭ vivas en Oradea (Rumanio). Ni kore dankas kaj gratulas.

② La ĝustan solvon de la **Magia kvadrato** ni ankoraŭ ne povas publikigi (lim'dato: 1 aprilo 1999), sed ni mencias ke *Irina Nagy* kaj *Victoria Mihók-Géczi* (Oradea) senerare solvis la taskon. Gratulon!

## Antologia numero 1/99

***Sekreta lingvo (p. 45)***

La alfabeta vic'ordo estas disig'ita laŭ vokaloj (a, e, i, o, u) kaj konsonantoj (b, c, ĉ...). En la unua letero oni ĉiam skribas la postan, en la dua la antaŭan literon. Ekz.: *Lese enolu / Ĵupu uleĵi= Kara amiko.*

***Ŝercaj demandoj (p. 45)***

Kiam li parolas Esperanton. Armeo. Mal-seka. Bruo.

***Enigmoj (p. 46)***

**Magia kvadrato**: 1. maro; 2. aper; 3. revi; 4. oriento; 5. nord; 6. trio; 7. odor.

① *ven en a* (=venena), ② *sur 2 lo* (=surd'ulo), ③ *retro vi* (=retrovi), ④ *tra mo* (=tramo), ⑤ *sen ti mentala* (=sentimentala), ⑥ *tri loj* (=triloj)

*Ni dankas vin, kara leganto, kiu abonis / aĉetis nian gazeton. Multe helpus, se vi skribus, kion vi opinias pri "Juna Amiko".*

**juna amiko**

Internacia Esperanto-revuo de ILEI por lernejanoj kaj komencantoj

26-a jaro, n-ro 1 (88), 1999

Aperas 4 fojojn jare.

Redaktoro: *Géza Kurucz* (Hitel u.10.fszt.16, H-6000 Kecskemét, Hungario)

Ret'adreso: junaamiko@esperanto.nu

Abona adreso: Juna amiko, Pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario

Eldonanto: ILEI, Södra Rörum pl 455, S-24294 Hörby, Svedio

Lingva reviziento: *André Albault* (Francio)

Kunlaborantoj: *Stefan MacGill* (Hungario), *Tatjana Auderskaja* (Ukrainio), *Lisbet* kaj *Bertil Andreasson* (Svedio), *s-ino Raita Pyhälä* (Finnlando), *s-ino Monique Noël* (Francio), *s-ino Jennifer Bishop* (Aŭstralio), *Baldur Ragnarsson* (Islando), *Gennadij Basov* (Rusio), *Brandhyl Mezini* (Albanio), *Till Dahlenburg* (Germanio), *Rinzo Okumura* (Japanio), *Pekim Tenorio Vaz* (Brazilo), *Zoltán Kurucz* (Hungario), *Dieter Berndt* (Germanio), *Bill Mak* (Ĉinio), *Michel Nkwirikiye* (Tanzanio), *Eugenia-Ecaterina Popoviciu* (Rumanio), *José de J. Campos Pacheco* (Kubo), *Mensah B.Attiogbe-Agbemadon* (Togo); *Monika Molnár* (Hungario), *Pavel Rak* (Ĉeĥio) grafikistoj

Farita en Presejo Saluton

Chinoin u. 20, H-1045 BUDAPEST, Hungario

**ISSN 0230 1314**

# Tendaraj tagoj

Situaci-komunika lernilo tute en Esperanto planita por uzo en grupo sub gvido de instruisto




1

Ni renkontas dek du junulojn, kiuj kunvenis el diversaj landoj por ĝui Esperanto-tendaron. Ili amikiĝas kaj du el ili prezentas siajn landojn al la aliaj. Ili vizitas apudan riveron kaj ĉe arbara bufedo renkontas misteran urson. Vigle la rolantoj enkondukos lernantojn en la bazan parol-kapablon pere de 250 vort-radikoj, el kiuj 40 estas verboj. Transitivajn verbojn oni prezentas ekde la dua paĝo!




2

Tendaranoj korespondas, kanotas (mia, via...), ili vizitas besto-ĝardenon (granda, verda...), sportas (pli, plej), komparas kapablojn (povas –i), ekscias pri Zamenhof kaj verkas mirindan teatraĵon pri la Espo-spiono 005. Laste, ili organizas (pere de -ig-) grandiozan koncerton. Ekzercoj testas la sciojn kaj rol-ludoj spronas la esprimkapablon. Fine, kunlaboriga ludo instigas kursanojn grupe helpi al 005 kaj lia estro Z plani mision repreni la Unuan Libron de la volapukistoj, kiuj ŝtelis ĝin.

3

Jam ni atingas la progresigan nivelon de Esperanto: fuŝema sorĉistino suferas pro la refleksivo (anstataŭ vi). Pakisto kaj cirka ĵonglisto gvidas vin en la akuzativon de direkto. Enkondukiĝas -iĝ- dum kanotaj aventuroj en ravino, tendaranaj revoj postulas la kondicionalon. Por ne paroli pri participoj. Tabul-ludo pri E-mondvojaĝo kaj krucenigmo figuras. 005 revenas por savi sian kamelon el la kelo de Volapukastelo. Kursanoj devas malhelpi al aĉa sciencisto Platkap pravigi siajn teoriojn platigante la mondon. Sume, instigaj legaĵoj kaj aktivaĵoj por ajn-aĝaj lernantoj. Jen taŭga kaj novtipa studlibro por progresigaj kaj eĉ super-gradaj kursoj.



Verkis: Stefan MacGill, Ilustris: Pavel Rak. Eldonis: ILEI/UEA/HJEA. Kajero 1 (42p.) 12 NLG. Kajeroj 2 kaj 3 (72 kaj 76p.) 15,00. Ĉe UEA, triona rabato ekde 3 ekz., sendokostoj +10%. Ĉe ILEI, pf. 193, HU-1368 Budapest, samaj prezoj, sed sendokostoj inkluzivitaj. Kompleto: 36 NLG. Triona rabato ekde tri samaj kajeroj aŭ kompletoj, 40% ekde 9.